AŬSTRIA

# ESPERANTO-REVUO

*Oficiala organo de la aŭstria Esperanto-movado*
*Offizielles Organ der österreichischen Esperanto-Bewegung*
*Aperas monate*
*Redakcio kaj administracio: Vieno I., Neutorgasse 9, Aŭstrio. — Telefono U 20-3-51*

*NRO 5-o*
*2-a JARO*
*MAJO-JUNIO 1947*

## EL LA ENHAVO:



## LASTA INFORMO:

Pro la ferioj en la presejo la eldono de tiu ĉi numero prokrastiĝis. Ni petas senkulpigon.

*AUSTRIA ESPERANTO-REVUO oficiala organo*
*de Austria Esperantista Federacio kaj de Austria Esperanto-Instituto*
Adreso: Wien I., Neutorgasse 9, Austrio
Abonprezo: Jarabono aŭstr. ŝil. 10.— aŭ 1 dolaro aŭ egalvaloro.
Por membroj de AEF senpage.

## *Komuniko de la redakcio*

**Ni devas atentigi nian legantaron, ke la manko de diversaj supersignoj super la literoj s, g, c ktp., precipe grandliteroj, ne estas preseraroj, sed la presejo provizore ne disponas pri la respektivaj Esperantoliteroj. Kvankam laŭ Fundamenta regulo ni devus anstataŭigi ĉi tiujn mankantajn literojn kun supersignoj per aldono de la litero h — ekzemple anstaŭ ĝ skribi gh — ni tamen pro unueco de la presaĵo prefere evitas ĉi tiun skribmanieron, ĉar ĝi ne nur nebone impresus, sed ankaŭ povus erarigi komencantojn en la lingvo.**

**Ni estas certaj, ke ĉiuj legantoj kapablas spirite anstataŭigi ĉi tiujn mankantajn supersignojn sen miskompreni la respektivan literon, vorton aŭ frazon.**

# Korespondado

Kiu volas korespondi kun en- aŭ eksterlandaj esperantistoj, sendu sian korespondpeton al la redakcio de A.E.R. Ni publikigos ĝin laŭ la disponebla loko.

Unua korespondanonceto dulinia por AEF-anoj senpage. Plua anonceto kaj por aliaj personoj kostas ŝil. 2.—, por eksterlandanoj 4 int. respondkuponojn. Ni petas, la adresojn nepre skribi bone legeble!

Mallongigoj: L = letero; PK = poŝtkarto; PM = poŝtmarko.

**Aŭstrio.** — S-ro Löffler Karl, Vieno XIV., Jenullgasse 18—24, Stg. 8/7, deziras korespondi kun la tuta mondo.

S-ro Gustav A. Kunzelmann, Ramsau bei Schladming, Steiermark, oficisto kaj filologo, kun ĉ. l. pri ĉ. temoj, L bele afrankitaj.

S-ro Josef Kunz, ĉefoficisto, Graz, Reiherstadlgasse 22, kor. k. ĉ. l. Esperante, ruse, angle, france kaj ĉehe per L. kaj Pl.

S-ino Josefine Steif, Wien II., Ferdinandstraße 17/25, kor. kun ĉ. l.

F-ino Heli Riegler, edukistino, Bad St. Leonhard, Lavanttal, Kärnten, interŝ. L. kaj Pl kun ĉ. l.

S-ro Othmar Bühner, ministo, Bad St. Leonhard, Görlitzen 36, Lavanttal, Kärnten, interŝ. L., Pl., E-librojn kun ĉ. l.

S-ro Max Kowatsch, komercisto, Bad St. Leonhard, Lavanttal, Kärnten, interŝ. Pl bele afrankitajn kaj PM kun ĉ. l.

S-ro Othmar Moser, komercisto, Bad St. Leonhard, Lavanttal, Kärnten, interŝ. Pl bele afrankitajn kaj PM kun ĉ. l.

**Belgujo.** — S-ro V. Montulet, fraŭlo, 21. Av. R. Elisabeth 21, Liége, dez. kor. kun aŭstriaj ges-anoj, interŝ. Pl.

**Ĉehoslovakujo.** — S-ro Jan Hruska, Cadca, Horelica c. d. 166, Slovakujo ĈSR. juna Esp-isto, kor. k. aŭstriaj kaj alilandaj ges-anoj.

S-ro Frantisek Krizak, Ostrava Vitkovice, Pohranicni 31, junulo, kor. kun aŭstria s-an(in)o.

**Nederlando.** — S-ro A. H. v. Loon, Mathenesserdijk 251, Rotterdam — W., tramisto, kor. kun sammetiistoj pri labor- kaj vivkondiĉoj, interŝanĝas fotojn, bildkartojn; respondo garantiata.

AŬSTRIA
ESPERANTO-REVUO

2-a jaro MAJO / JUNIO 1947 n-ro 5—6

*H. BUCHLI, prezidanto de L. K. K.. Bern:*

# La sukceso dependas de ni

La streĉa laboro por la 32-a Universala Kongreso de Esperanto ĝis nun feliĉe pruvis al ni, kiel nia movado post la milito rapide refortiĝis, kaj kiel ĉie la Esperantistoj ekagas kaj denove sin organizas.

Sed dum nia laborado ni ankaŭ spertis, kio ankoraŭ estas farenda por akceli la Esperanto-movadon kaj kio estas necesa, por igi, ke nia mondhelplingvo estu nepre pozitiva helpilo de la homaro. Ni do unuavice povis konstati, kiel grava estas ne nur la aktiveco de la diversaj naciaj asocioj, de la fakaj organizoj kaj de nia internacia ligo, sed kiom la sukceso dependas de la aktiveco de la izolaj membroj.

Konsultante la mondhistorion, ni ĉiam denove devas konstati, ke plej rapide prosperis kaj venkis tiuj tuthomaraj movadoj, kiuj konsistis el disciplinitaj kaj nepre konvinkitaj membroj. Tion pruvas antaŭ ĉio la gravaj religiaj kaj principaj transformadoj, pri kiuj la kultura historio de la homaro nin instruas.

Ŝajnas al ni, ke en niaj propraj vicoj minacas la evidenta danĝero, ke ni multe tro apartigas nin de la cetera mondo kaj tro atentas nur la kamaradan sektoron de nia societa vivo; ke ni kvazaŭ membroj de sekto — tro multe koncentriĝas je nia propra interna societa vivo, anstataŭ pripensi, ke ĉiu Esperantisto aliĝanta al la movado samtempe aprobas ties celojn.

Sed ĉi tiuj celoj ne konsistas en tio, ke ni inter ni aprobas Esperanton kaj ĝin plibonigas. Ili ne nur ekzistas, por ke ni aprobu Esperanton kaj de tempo al tempo varbas kamaradon, amikon aŭ iun ajn el nia konatularo por nia lingvo. Pripensante la konvinkon, ke Esperanto efektive estas la taŭga monda helplingvo, kapabla reciproke alproksimigi la popolojn malgraŭ la gravaj lingvolimoj, kaj interpacigi ilin, ni ankaŭ akceptas la taskon, luktadi por la efektivigo de niaj ideoj.

La milito sufiĉe pruvis al ni, kiom pereige estas, ke la nacioj apartigas sin unu de la alia, anstataŭ alproksimiĝi unu al la alia kaj fidi,

en la konscio, ke ni ĉiuj estas homoj kaj ke ni — ne kiel anoj de iu nacio, sed kiel homoj, kiel membroj de la genro kreita de Dio — devas defendi kaj luktadi por la komuna kultura progresado de la tuta homaro.

Por tia ago neniu nacio de la terglobo bezonas oferi sian propran vivon, sian individuecon. Sed ĉiuj, krom pri sia individueco, memoru pri la misio, kiun ili akceptis por la bono de tuthomaj interesoj. Tio volas diri, ke la reciprokaj interrilatoj de la nacioj fariĝu pli intimaj kaj pli intensaj, ke la kultura interŝanĝo estu pli viva. Kiamaniere tio pli facile estus efektivigebla, ol per uzado de la sama lingvo por ĉiuj, kiu povas forigi ĉiujn barojn, kiujn la diversaj lingvoj kreas unu kontraŭ la alia. Kaj ĉi tiu lingvo estas nia Esperanto!

Antaŭ nelonge studentoj el multaj nacioj kunvenis en Svislando. Ekestis vera babilona lingvokonfuzo kaj la reciproka kompreno estis treege malfacila, ĉar kelkaj ja konis la anglan kaj la francan, la aliaj ĉeĥan kaj germanan aŭ iun alian lingvon. Sed nur tre malmultaj sukcesis komprenigi sin per tiuj lingvoj tiel, kiel estus necese por vigla interparolo inter junuloj pri humanaj, sciencaj kaj edukaj problemoj. Kaj kia estis la solvo, kiun tiuj junuloj fine ektrovis? Ili el sia memoro venigis sian malnovan, duone forgesitan latinon kaj provis komprenigi sin per tiu lingvo! Sed ĉar la tempoj bedaŭrinde jam delonge pasis, kiam latino estis popola lingvo kaj la lingvo de la kleruloj, la interparolo estis malvigla kaj nesufiĉa. Kiom pli facila kaj agrabla ĉio estus estinta, se ĉiuj estus parolintaj Esperanton, lingvo tiel facile lernebla!

Ni atentigis pri tio la junajn homojn. Kaj ili surprize respondis, ke ili ja okaze aŭdis pri Esperanto, sed ke neniu konsilis al ili, ankaŭ lerni ĝin, ĉar oni ĉiam ridetis pri la Esperantistoj kaj ilia agado. Sed precipe tiu ĉi ekzemplo montras al ni, kiel ni devas konduti: Se per senlaca kaj necedema defendo de nia pensado kaj niaj celoj ni ne sukcesos fine bati breĉon en la publikan opinion de niaj patrolandoj, ni certe neniam venkos.

Tial ni opinias, ke ĉiu el ni havas la devon, en sia loko senlace atentigi pri Esperanto kaj ĝia utileco, ĝin rekomendi kaj eĉ riskante fariĝi malagrabla kaj trudema, konstante pledi por ĝi. Tiel agi ĉiu povas: unu en sia entrepreno, la alia en sia oficejo, la tria kiel instruisto, la kvara kiel fervojisto, tiel bone kiel la profesoro, la simpla laboristo, entute ĉiu sur sia posteno.

Estas evidente, ke ni efektive nur tiam venkos, kiam ni sukcesos enkonduki Esperanton en la lernejojn, t. e. en la unuagradajn, la mezajn lernejojn kaj la universitatojn; ke ni nur tiam havos sukceson, kiam la diplomatio kaj la politiko interesiĝos por nia problemo. Pro tio — rememoru ni pri la iama Romano Cato — devas esti nia ĉiutaga

„Ceterum censeo", ne laciĝi kaj ne rusti, sed ĉie kaj ĉiam atentigi pri la nia Esperanto. —

La nunaj internaciaj traktadoj en la UNO, en la UNESCO, pri la pacaj kontraktoj, pri la internacia rekonstruado, pruvas ĉiutage al tiuj, kiuj staras ekster Esperanto, kiajn malfacilaĵojn la diverslingveco de la multnombraj delegitaroj kaŭzas, kiom da tempo perdiĝas kaj kiel enuigaj, ofte en gravaj kaj decidigaj demandoj, estas la dubaj tradukoj. Kio estus pli taŭga ol nia Esperanto? Ni do scias: unu el la bastionoj, kiujn ni konstante kaj senlace devas ataki, estas la estraroj de niaj landoj.

Ni ja ankaŭ konstatas, ke la malfacilaĵoj en la internaciaj komercaj interrilatoj estas la samaj kiel sur la politika teritorio. Tamen ĉe la komercaj aferoj la uzado de Esperanto simpligas kaj malgrandigas la elspezojn, ĉar ne plu estas necese, pagi specialan korespondanton por ĉiu fremda lingvo. Al la komercistoj ni do per ilia buĝeto povas pruvi, kiom Esperanto ŝparas al ilia kaso.

En ĉiuj cirkonstancoj de la vivo ni do renkontas eblecojn por ataki kaj servi. Kaj tio estas necesa, se ni fidas nian sukceson. La titolo „La sukceso dependas de ni", kiun ni metis super ĉi tiun artikolon, nepre estas ĝustigita. Ĉiu do frapu sian propran bruston! La 32-a Universala Kongreso de Esperanto do konduku nin plian mejlon al la fina sukceso! Ni tion ŝuldas al la homaro kaj al la monda paco.

(El „Svislando vokas vin!")

*JULIUS PIEKE, Vieno:*

# Cehoslovakujo, Hungarujo, Austrio kaj — Esperanto

Viena gazeto antaŭ ne longe publikigis artikolon titolitan: „Kiu reprezentas Aŭstrion en eksterlando?" En ĝi oni plendas, ke la eksterlanda servo de nia respubliko grandparte estas prizorgata de diplomatoj deĵorintaj ankaŭ sub la iama duondiktatora reĝimo en Aŭstrio kaj ke neniu branĉo de la ŝtata administracio restis tiel netuŝita de la demokratio kiel la diplomatio.

Certe, la profesiaj diplomatoj plej bone konas la teknikon de sia metio, ili parolas plurajn fremdajn lingvojn, sed — ĉu ili parolas p o l i t i k e la lingvon, en kiu ili estas demandataj?

Dum la legado de ĉi tiuj konsideroj devus ĉiu esperantisto denove pensi pri la duobla maljusto kaŭzata al ĉiuj malgrandaj kaj mezgrandaj nacioj pro la fakto, ke la malgrandaj ŝtatoj estas devigataj elekti siajn eksterlandajn reprezentantojn el multe pli malgrandaj

rondoj de lingvaj lertuloj ol la grandŝtatoj. Al tio venas ankoraŭ, ke la fremdlingva talentulo devus ankaŭ posedi la kapablojn postulatajn de diplomato. Sed ĉiujn kapablojn unuigitajn en unu persono oni trovas nur tre malofte.

La duobla maljusto konsistas ankaŭ en tio, ke por ŝtatoj kun mondvalido tiaj zorgoj ne ekzistas, ĉar:

1. ĉiuj aspirantoj kun diplomataj kapabloj povas esti dungataj kaj al tiu supereco de la koncernaj grandŝtatoj venas krome;
2. ilia ekonomia kaj militista supereco super la malgrandŝtatoj.

Kiom longe ankoraŭ toleros la multaj malgrandŝtatoj ĉi tiun superecon, kiu ofte baziĝas nur en tio, ke ili ne apartenas al ŝtatoj kun mondlingvo?

Nur la enkonduko de Esperanto ankaŭ an la servon de la diplomatio ĉiulande povus forigi tiun malegalon en interŝtataj konferencoj, internaciaj ŝtatkontraktoj k. s.

Sed laŭ mia opinio Esperanto verŝajne neniam fariĝos la sola neŭtrala mondlingvo per unuanima decido de la ŝtatistoj kaj diplomatoj ĉiulande, ĉar Esperanto unue devas esti oficiale akceptata kiel komuna intertraklingvo de registaroj de nur du aŭ tri malgrandaj ŝtatoj kun komunaj ŝtatlimoj.

Por tio la plej bonaj antaŭkondiĉoj estus donitaj inter Aŭstrio, Ĉeĥoslovakujo kaj Hungarujo per komuna kunlaboro sur ĉi tiu lingva tereno. Kvankam malsame laŭ lingvo, nacia kaj popola karaktero, tiuj ĉi ŝtatoj tamen posedas el la iama kunvivado en la pasinta aŭstrihungara monarkio multajn kontaktpunktojn, precipe ekonomiajn. Ĉu do Esperanto ne povus venki la lingvajn barojn inter aŭstrianoj, ĉeĥoj, slovakoj kaj hungaroj por plifaciligi la multajn ekzistantajn rilatojn inter ili? Eble poste Aŭstrio de la najbaraj slavaj ŝtatoj ne plu estos konsiderata kiel „germana“ ŝtato — kio la nova Aŭstrio certe ne plu volas esti — se ĝi en kunlaboro kun ili aplikos Esperanton kiel intertraktlingvon. Se tia interŝtata agnosko de Esperanto inter kelkaj malgrandŝtatoj okazos, tiam certe aliaj malgrandaj kaj mezgrandaj ŝtatoj sekvus ĉi tiun ekzemplon kaj laste — devigite — kredeble ankaŭ la grandŝtatoj.

Mi naskiĝis en Bohemujo kaj estante jam maljuna, mi antaŭ mia forpaso el ĉi tiu vivo volonte ankoraŭfoje vizitus la hejmlandon de miaj mortintaj gepatroj. Sed pro la senekzemplaj krimoj de germanaj nazioj en la ĉeĥoslovaka respubliko mi volus eviti la aplikadon de la germana lingvo. Ne pro timo antaŭ la ĉeĥoj, sed pro honto kaj honesto.

Ne estas dubo, ke ekzistas ankoraŭ multegaj same pensantaj kiel mi kaj kiuj volas vaste distancigi sin de la germana naciismo.

Post okazo de stabilaj monvaloroj diverslande, ne nur bonstataj aŭstrianoj, sed certe ankaŭ riĉaj germanaj ŝtatanoj sentos la bezonon

denove viziti la mondfamajn banlokojn de Ĉeĥoslovakujo. Inter tiuj germanaj kaj aŭstriaj bangastoj certe estos multaj, kiuj volos esprimi sian sinceran abomenon pri la dummilita besta germana naciismo ne nur per vortoj, sed ankaŭ per simbola faro ekzemple eviti la aplikadon de la germana lingvo kaj uzi anstataŭ ĝi ankaŭ Esperanton kondiĉe, se ĝi estas jam sufiĉe disvastigita en ĉi tiuj banlokoj kaj en la turismo ĝenerale. Tion devus prikonsideri la administracioj de la ĉeĥoslovakaj banlokoj kaj jam nun helpe de la landa Esperanto-asocio prepari la eldonon de gvidlibro tra la nomitaj banlokoj ankaŭ en Esperanto. En tia libreto devus esti ĉiuj necesaj demandoj kaj respondoj bezonataj de ĉiu bangasto en interrilato kun la serva personaro en la banejoj, hoteloj, fervojoj, tramoj, aŭtobusoj ktp. Tia Esperanto-gvidlibreto nature devus esti eldonata ankaŭ en Hungarujo por tiulanda fremdultrafiko.

La samo validas, kiam ĉeĥoj, hungaroj, jugoslavoj kaj alilandanoj vizitos denove la famajn refreŝigajn lokojn en la belega montaro aŭ ĉe la ĉarmaj lagoj de Aŭstrio. Por ilin ne devigi uzi la de ili malŝatatan germanan lingvon, ankaŭ la aŭstriaj turismaj instancoj devus okupiĝi pri la sama afero. Jen praktika tasko, kiun Esperanto povus facile plenumi, se la afero estus laŭplane pritraktata. Sed por realigi tian projekton ŝajnas al mi necese, ke la gvidaj Esperantaj instancoj de Ĉeĥoslovakujo, Hungarujo kaj Aŭstrio antaŭe komune intertraktu persone aŭ skribe la entreprenotajn paŝojn ĉe la kompetentaj ŝtataj kaj privataj instancoj. Miaopinie plena efiko dependos de tio, ke almenaŭ en la tri nomitaj ŝtatoj Esperanto laŭeble samtempe estos instruata en la serva personaro de trafiko, turismo ktp.

Kaj se tia lingva interkonsento inter Ĉeĥoslovakujo, Hungarujo kaj Aŭstrio estus ebla eĉ sen antaŭa speciala permeso de la „Grandaj Kvar", pro tio certe ne estiĝos milito.

*E. D. DURRANT:*

# Esperanto kiel ponto inter okcidenta kaj orienta Europo

Prof. W. E. Collinson, M. A., Ph. D., profesoro de la germana lingvo kaj de la Esperanta Katedro ĉe Liverpool Universitato, donis treege interesan paroladon antaŭ la societo de Britaj Esperantistaj Instruistoj dum semajnfina konferenco, la 4. I. 1947, en City Literary Institute, Londono.

En profunda, sed humora maniero li montras la esencan naturecon

kaj vivtaŭgecon de Esperanto, donante kleran supervidon de diversaj aspektoj de ĝia vortfarado kaj kunmeto, kompare kun la latinidaj kaj aliaj eŭropaj lingvoj. Finante li diris:

„El la esploradoj, kiujn mi prezentis, ni plene rajtas konkludi, ke Esperanto havas plejparte radikaron el la latinidaj lingvoj de la okcidento, sed la interna organismo kaj strukturo pli parencas al tiuj de la mez- kaj orient-eŭropaj lingvoj. Tio estas bone komprenebla, se oni memoras, ke Zamenhof posedis kiel tri ĉefajn lingvojn la rusan, polan kaj germanan. Ĝuste pro tiuj ecoj Esperanto multe pli taŭgas ol Ido, Occidental aŭ iu alia artefarita lingvo, por servi kiel ponto inter la tielnomitaj okcidentaj kaj orientaj blokoj de Eŭropo."

„La genio de Esperanto kuŝas precize en tio, ke ĝi naskiĝis en la cerbo de unu individuo, kiu multe ŝatis lingvojn kaj scipovis — almenaŭ lege — sufiĉe multajn, inkluzive la klasikajn grekan kaj latinan. Ĝi ne estas la seka kompromiso de komitato. Metafore ĝi similas al prismo, el kies facetoj rebrilas ĉiuj koloroj de la eŭropa lingva ĉielarko etendiĝanta de la atlantikaj bordoj ĝis la stepoj de la Sovjetunio. Ankaŭ la praktiko montris nerifuteble, ke la strukturo de Esperanto bone konformiĝas al la postuloj de la pensmaniero de la malproksimaj orientaj landoj de Azio."

*D-ro A. MILDWURF, London:*

# Ĉu ni bojkotu la germanajn kaj austriajn esperantistojn?

Emocie ni legis la suban artikoleton en Heroldo de Esperanto (6/1947) pri la en Heroldo multe diskutita temo: „Nia rilato al germanaj esperantistoj". Ĝi montras la noblaniman pensmanieron de la verkinto kiel homo kaj vera samideano. — La redakcio de AER.

Unu el la plej deprimaj faktoj de hodiaŭ estas la konduto de venkintoj kontraŭ la venkitoj. Ni kondamnas la germanojn pro ilia maldeca konduto antaŭ kaj dum la milito, sed ŝajnas, ke la giganta perdo de ambaŭ: homaj estaĵoj kaj kulturaj valoroj, estis vana.

Mi mem travivis du terurajn jarojn en la Tria Regno kaj estis dufoje enkarcerigita. La deklaro de aresto okazis en la nomo de la germana popolo. Mi perdis senescepte ĉiujn miajn familianojn (patrinon, gefratojn, geonklojn kaj gekuzojn) en la germanaj ekstermejoj. Tamen unu ideo helpis min travivi ĉion tion, kaj ĝi estis la penso ke iam, kiam la aliancanoj venkos (kaj pri tio mi neniam dubis), la koncentrejoj kaj la perfortigo de homoj finiĝos por ĉiam.

Malfeliĉe la okaĵoj montris ion alian; mi bone povus kompreni, ke homoj, kiuj suferas, estas ankoraŭ plenaj de malamo kaj sento de revenĝo. Sed estas tre abomene esti supera je venkita nacio kaj estas tre facile agi nun laŭ naci-maniero. Se ni volas doni al la homaro ideon pri Esperantismo, kio certe ne estas tre facila tasko, ne sufiĉas paroli pri Esperantismo; la ĉefa afero estas agi kiel esperantisto.

Ni devas prikonsideri la problemon tute klare sen vualo de amareco kaj ne akcepti la sintenon: „Kondamnu ilin ĉiujn!"

Ni devas disvastigi inter la esperantistaro spiriton de amnestio kaj pardono de pasintaj malamoj.

La plej grava ŝanĝo estas, ke ni devas reveni al sento de komuna frateco de la homaro, kaj de la aspiroj de l' Atlantika Dokumento.

*FRANKARLO, FARCIENNES, Belgio:*

# Dank' al Esperanto

Militkaptita de la germanoj la 19an de Majo 1940 en Antverpeno mi estis transportita al Aŭstrio, kie mi laboris en bieno de vilaĝeto proksime de Vieno. Mia tiama mastro, kiu vere estis bonanimulo, faris ĉion, kio estis farebla, por mildigi miajn mallumajn tagojn, kaj mi ne troigas dirante, ke li ĉiam konsideris min kiel sian filon. Tio klariĝas pro tio, ĉar ankaŭ li estis militkaptita dum la unua mondmilito (1914—1918).

Malfeliĉe aŭ feliĉe — tio dependas de tio, kiel oni konsideras la aferon — mi grave malsaniĝis en la Januaro 1941 kaj oni urĝe transportis min en malsanulejon en Vieno, kie mi post mia resaniĝo estis liberigita, kaj mi revenis Belgion.

Pro mia subita foriro el la bieno — cetere tute ne scipovante la germanan lingvon — mi neniam povis danki al mia mastro iama, kvankam mi eltutkore deziris tion. Mi preskaŭ malesperis tiukaŭze, ĝis... mi lernis Esperanton, kiu sekve de sia internacia valoro donis al mi novan eblecon.

Amiko kontaktigis min kun sia viena korespondanto kamarado Ludwig Sager, peranto de SAT por Aŭstrio, al kiu mi sendis esperantlingvan dankleteron, petante lin, ke li konsentu traduki ĝin germanlingven kaj sendi ĝin al mia iama mastro, kies adreson mi komunikis al li.

Ĉiokaze mi deziras publike danki al kamarado Ludwig Sager, kiu afable plenumis mian peton kaj kiu poste sendis al mi la respondon

ricevitan de mia iama mastro, tradukinte ĝin el la germana lingvo. Tiamaniere mi povis fine plenumi mian urĝan devon dank' al Esperanto, la internacia helplingvo, kiu tiuokaze montris denove sian gravan necesecon kaj sian celon: proksimigi kaj fratigi la popolojn.

*G. P. de BRUIN, Enschede, Nederlando:*

# Dezirindaĵoj

Kiam ni, esperantistoj, defende aŭ propagande pledas por nia lingvo, ni kutimas argumenti i. a. per niaj atingaĵoj: niaj multmembraj asocioj, nia grandampleksa literaturo, nia multfaka gazetaro, ktp. Sed kiam ni, inter ni, iom kritike rigardas nian movadon, ni devas konfesi, ke ĝi kelkrilate estas ne sen gravaj malperfektaĵoj.

Unu el tiuj estas la manko de tutmonda instanco, Internacia Komitato aŭ kiel ajn ĝi nomiĝos, kiu reprezentas la tutan movadon, aŭ almenaŭ ĝiajn plej gravajn partojn. Ĝis nun la neŭtrala movado pli malpli pretendis tiun rolon; sinsekve la UEA, la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado kaj la Internacia Esperanto-Ligo rigardis sin kiel reprezentanton de la esperantistaro. Objektiva juĝanto tamen devos konfesi, ke ĉi tiuj organizoj neniel reprezentas la t u t a n movadon. Tion komprenis ankaŭ la XI-a Kongreso de la Flandra Ligo Esperantista, kiam ĝi instigis „ĉiujn internaciajn Esperanto-Asociojn neŭtralajn aŭ neneŭtralajn pristudi senprokraste la starigon de tutmonda esperanto-instanco, kiu reprezentus ĉiujn esperantistojn senescepte." „Pola Esperantisto" samopinias pri tiu afero, kaj sendube ankaŭ inter la cetera parto de la esperantistaro troviĝos aprobantoj de ĉi tiu ideo. Estus do konsilinde post la efektiviĝo de la dezirata unuigo de UEA kaj IEL, pritrakti ankaŭ ĉi tiun problemon kaj klopodi pri ĝia solvo.

Celita instanco devos konsisti el reprezentantoj de la neŭtrala movado, de la katolika (IKUE) kaj de la laboristoj (SAT). Ĉu eventuale ankaŭ la kristana organizo (KELI), kiu ŝajne estas tre malgranda, organizoj pure„fakaj" kiel ILEPTO k. s. kaj landaj asocioj devos partopreni en ĝi, estas afero poste solvota.

Kiajn taskojn plenumu tia instanco? Per kio ĝi utilos al la tuta movado?

Unualoke ĝi prizorgu aferojn tutmondajn ĝeneralcelajn, kiel ekzemple la petskribon al UNO. Krome ĝi observu la movadon en la tuta mondo kaj laŭbezone intervenu kaj helpu tie, kie tio estas necesa. Ekzemple, se iulande la movado estus tre malforta kaj ne sukcesus

per propra forto venki la malfacilaĵojn, tiu internacia instanco laŭeble helpu ĝin.

Ankaŭ estu ĝia tasko kolekti novaĵojn pri la movado el ĉiuj landoj. La plej gravajn ĝi kunigu en monata raporto, sendota al ĉiuj esperantaj gazetoj, kiuj ĉerpos el ĝi la materialon por sia eksterlanda aŭ tutmonda rubriko. Krom ĉi tiuj sendube ankoraŭ multaj aliaj taskoj prezentiĝos al tia tutmovada instanco.

Alia manko estas la foresto de sistemeco, de planado en nia laboro. Tro da aferoj efektiviĝas tute hazarde, laŭ persona ideo kaj iniciato, sen ia laŭplana preparo. Ni ne malkonfesas, ke tiel plenumiĝis gravaj aferoj. La laŭdinda iniciato de s-ro Sirjaev kaj de Literatura Mondo havigis al ni gravan verkon, kiel la Enciklopedio de Esperanto, al la agemo de k-do Lanti ni ŝuldas la Plenan Vortaron, ktp.

Sed aliflanke gravaj aferoj restis ne plenumitaj. En 1926-a s-ro Dietterle aranĝis statistikon pri la nombro de esperantistoj en la tuta mondo. Treege utila laboro! Sed kie estis la instanco, kiu zorgis pri ĉiujara aŭ almenaŭ ĉiukvinjara renovigo aŭ kompletigo de tiu statistiko?

De tiam pasis jam 20 jaroj. Kaj kiam ni nun en propaganda verko aŭ aliloke deziras publikigi ciferojn pri nia movado, ni devas uzi tiujn de 1926-a! Eĉ en grava verko, kiel „The problem of international language", publikigita en 1943-a, troviĝas tiuj malnovegaj ciferoj.

Sama estas la afero koncerne la literaturon. Dank' al la Bibliografio de Internacia Lingvo, de Stojan, ni scias la nombron da libroj aperintaj ĝis 1926-a. Sed kia estas la nuna stato? Ĉu ne strange impresas la fakto, ke en aktualaj verkoj oni trovas ciferojn tiom malnovajn? Kompreneble oni en la lastaj 6 jaroj ne povis okupi sin pri tiaj aferoj, sed ankaŭ antaŭe oni ne faris tion. Jen denove tasko por internacia instanco: prizorgado de statistiko kaj bibliografio. Ĝis nun la tradukado kaj eldonado de libroj okazis plejparte sensisteme. Ofte iu esperantisto laŭ propra intereso aŭ prefero tradukis libron kaj prezentis ĝin al eldonejo, kelkfoje eldonisto aŭ organizo proponis la tradukadon de iu verko, kaj tiel estiĝis nia literaturo.

Tio estis bona kaj utila kaj ni ne intencas proponi malebligi tion. Sed tamen estus bone, ke iu kompetenta instanco faru programon pri literatura agado: kompilu liston de verkoj tradukindaj kaj koncerne ne beletran literaturon de temoj, pri kiuj originalaj aŭ tradukitaj verkoj estas dezirindaj.

Lastatempe aŭdiĝis voĉoj pri enciklopedio en Esperanto. Tia verko ja estos grava por la tuta esperantistaro. Tial estus plej bone, ke tutmonda instanco iniciatu kaj gvidu ĝian aperigon.

La verko Historio de la Lingvo Esperanto de Edm. Privat pritraktas la movadon ĝis 1927. Nova volumo aŭ suplemento pri la periodo

1927—47-a estas dezirinda. Ĉu ni devas atendi ĝis d-ro Privat pretigos ĝin propriainiciate? Aŭ ĝis kiam iu eldonejo okupas sin pri tio? Ni opinas, ke tutmonda instanco devas gvidi tiajn aferojn.

El ĉi ĉio oni ne konkludu, ke temas pri koncentrigo aŭ monopoligo de la tuta esperanta agado, pri malpermeso aŭ malebligo de memstara agado fare de eldonejoj aŭ eldonistoj. Tute ne. Ne necesas, eble, eĉ ne estas dezirinde, ke instanco mem eldonu gazetojn, librojn ktp.

Ĝi devos iniciati, proponi, konsili, plani kaj gvidi sur tiu kampo. En tiu laboro povas kaj devas partopreni ĉiuj organizoj kaj ĉiuj privataj esperantistoj. Sed antaŭ ĉio ni bezonas la proponitan tutmovadan instancon!

Rimarkigo: Pro la graveco de la temo en la supre represita artikolo, aperinta en numeroj 1/1947 de „Flandra Esperantisto" kaj 3/1947 de „Sennaciulo", ni opiniis ne devi deteni ĝin al niaj legantoj. La aŭtoro de la artikolo starigas la saman postulon pri kunlaboro de ĉiuj organizoj internaciaj kaj kreado de tutmonda Esperantista instanco, por kio jam pledis ankaŭ Aŭstria Esperanto-Revuo. Ni ĝojas, ke plimultiĝas la voĉoj en la Esperanto-gazetaro postulantaj unuecon kaj kunlaboron en la internacia Esperanto-movado por tiamaniere mallongigi la vojon al finvenko de Esperanto. AER plene aliĝas la proponojn de s-ano G. P. de Bruin kaj esprimas la esperon, ke la kongresoj de IEL-UEA en Bern kaj de SAT en Aarhus laŭeble efektivigu ĝi tiun ne plu subigeblan postulon de la plimulto el la esperantistaro tutmonda. — La redakcio de AER.

*EDM. DITTRICH:*

# La troa vortfarado en Esperanto

Kiu lernas lingvon, devas okupiĝi pri la gramatiko kaj la vorttrezoro. Koncerne la E. gramatikon oni povas konstati, ke, malgraŭ sia facileco, ĝi enhavas tamen malfacilaĵojn: 1) la akuzativo, 2) la pronomo sia, 3) la kunmetitaj tempoj kaj 6 participoj, 4) la korelativaj vortoj: kia, io, neniel, tiel... Sed mi ne intencas proponi ŝanĝojn en la Fundamento.

La ĉefmalfacilaĵo estas la vorttrezoro. La Fundamenta vortaro enhavas ĉirkaŭ 2600 vortojn, la Plena vortaro de SAT ĉirkaŭ 6740 vortojn! Do, pli ol 4100 novaj vortoj! Ĉu ili estas ankaŭ necesaj? Nur malgranda parto, precipe teknikaj vortoj.

D-ro Zamenhof en siaj „Lingvaj Respondoj" diras: La lingvo devas esti facila. Mi estas kontraŭ la emo, fari malfacila nian lingvon. Ni ne devas peni, fari tro preciza nian lingvon. Por la uzo en la praktika vivo mallongeco kaj vigleco estas pli bonaj ol plej severaj logiko kaj precizeco.

Kial do oni ĉiam uzas novajn vortojn? Ekzistas kelkaj kaŭzoj:

1. Zamenhof mem uzis neologismojn (kaj certa nombro el ili ne estas ankoraŭ aprobita de la Lingva Akademio); li permesis tion ankaŭ al la Esperantistoj.
2. La regulo 15a de l' Fundamento enhavas certan danĝeron, ĉar oni povas, el vortoj de diversaj lingvoj formi novajn vortojn, donante al ili la Esperanto-ortografion.

Multaj Esperantistoj faras tion, eble eĉ facilanime, sen pripenso, ke ĉiuj homoj devas lerni ilin. Estas precipe vortoj el la latina kaj greka lingvoj. Multaj el ili estas superfluaj, ĉar jam ekzistas Fundamenta vorto, kiu havas la saman sencon. Ekzemple: aborigeno, aŭtoĥtono, indiĝeno por praloĝanto, pneŭmonio por pulminflamo, melolonto por majskarabo, obstaklo por malhelpo, moratorio por pagprokrasto, likopersiko por tomato...

3. Grupo da Esperantistoj ne ŝatas la sufiksojn, precipe la sufikson m a l kaj volas anstataŭigi ĉi-tiujn vortojn per novaj, se eble pli mallongaj vortoj. Tion faras precipe hungaraj verkistoj; vidu la Hungaran Antologion.
4. Aliaj volas eviti la kunmetitajn vortojn, ekzemple anstataŭ matenmanĝo uzi la vorton „friŝtiko", anstataŭ plej proksima la vorton „neksta", por okcidento la vortojn „vesto" kaj „westo", por dorsportilo... „krakso", por stacidomo... „garo", por ĉevalbleki... „heni". Ili verŝajne ne pripensas la malfacilaĵojn, kiuj ekestas por la komencanto, ĉar li ĉiuokaze devas lerni novan vorton. Ĉi-tiuj vortoj venas el la germana kaj franca lingvoj kaj Esperantistoj el aliaj popoloj ne volonte akceptus ilin, ili eble ankaŭ uzus novajn vortojn el siaj gepatroj lingvoj kaj tre baldaŭ ekzistus multegaj novaj ellernotaj vortoj.

Aliaj volas uzi vortojn speciale el la latina kaj greka lingvoj; estas precipe la scienculoj. Tiaj vortoj ne estas malfacilaĵoj por ili, sed des pli por la aliaj.

Nombro da Esperantistoj volas esprimi ĉiun plej subtilan nuancon de la lingvo, sen pripenso, ke laŭvorta traduko ofte ne estas ebla, kaj ke oni devas kontentiĝi pri laŭsenca traduko.

Kial la E. verkoj el la unua tempo (precipe de Zamenhof) estas tiel bone kompreneblaj? Ĉar ili enhavas nur Fundamentajn vortojn.

Se E. devas esti la mondhelplingvo, ĉiuj homoj devas lerni ĝin, ankaŭ la nekleruloj en Eŭropo kaj la ekstereŭropanoj. Oni pripensu, ke sur la tero vivas 55% da analfabetoj, kiel diris sinjoro Huxley, la direktoro de Unesco (laŭ gazeto „Wiener Kurier" de l' 9. XII. 1946).

Oni devas ankaŭ konsideri, ke E. enhavas nur vortojn el eŭropaj lingvoj; do ĉiuj vortoj, eĉ la Fundamentaj vortoj, estas nekonataj al la ekstereŭropanoj.

Estas granda diferenco inter nacia lingvo kaj helplingvo: la unua devas enhavi multe pli da vortoj ol la dua, ĉar ĝi devas sufiĉi por ĉiuj fakoj, dume helplingvo devus havi nur la taskon esti lingvo por interkompreniĝo. La vorttrezoro de la naciaj lingvoj estiĝis dum jarcentoj, dume oni havas la eblecon fari artefaritan lingvon tiel facila kiel eble. Zamenhof ne volis doni leĝojn, sed la literaturistoj devus havi tiom da mem-disciplino por ne ĉiam uzi novajn vortojn.

Se en unu jaro aperas ekzemple 500 novaj skribaĵoj, ĉiu kun nur unu nova vorto, tio fariĝus en dek jaroj 5000 novaj vortoj kaj baldaŭ Esperanto-vortaro estus dika volumo.

Ĉu ne estas kruelaĵo devigi dekjarajn infanojn al la ellernado de tro malfacilaj kaj superfluaj vortoj!

Esperanto ne povas esti nur lingvo por la scienculoj kaj kleruloj, kiuj eble ne ampleksas pli ol 5% de la homaro, sed devas esti lingvo por ĉiuj.

Al tio venas, ke oni urĝe bezonas novajn vortojn, precipe en la teknika fako; do estas tempo fari radikalajn reformojn en la vorttrezoro.

Mi estas konvinkita, ke la malgrandaj sukcesoj de E. en la mondo estas kaŭzitaj de la menciitaj malfacilaĵoj.

Se oni travidas la vortojn (kaj mi kontrolis ĉirkaŭ 8000 vortojn), oni trovas multajn nenecesajn vortojn.

1. Vortoj, kiuj estas malfacilegaj kaj maloftege uzataj, kiuj signifas precipe la nomojn de maloftegaj bestoj, plantoj, mineraloj kaj sciencaj esprimoj (ĉefe el la latina kaj greka lingvoj), do vortojn, kiujn oni povus preterlasi sen domaĝo por la lingvo.

Se iu scienculo opinias, ke li nepre devas uzi tian vorton, li faru ĝin, sed, pro la neesto de tiu-ĉi vorto en la vortaroj li estus devigata doni klarigon (plej bone per piednoto), kiun ja la scienculoj ne bezonas, sed nekleruloj povus ankaŭ legi tiajn verkojn kun plezuro kaj profito.

2. Vortoj, kiujn oni povas facile anstataŭigi per Fundamentaj, de L. A. aprobitaj kaj aliaj jam uzitaj vortoj, ankaŭ se tiuj-ĉi havas pli da silaboj ol la aliaj.

Ŝajnas, ke la vortaristoj mem havas similajn ideojn, ĉar neniu el de mi kontrolitaj vortaroj havas 8000 vortojn, eĉ ne la Plena Vortaro de SAT, ĉar ili forlasis, pli aŭ malpli grandan nombron de la menciitaj vortoj.

Mi proponas ke L. A. aranĝu la eldonon de oficiala vortaro kun tre mallongaj klarigoj de la vortradikoj. (Jam Zamenhof havis tian ideon.) Mi estas certa, ke Esperantistoj el ĉiuj landoj ĝojplene kaj fervore kunlaborus. Oni povus presigi ĝin en lando kun favoraj labor-

kondiĉoj, por ke la prezo de tia vortaro estu plej eble malgranda; oni certe povus vendi ĝin amase.

Nun estas grava, sed kritika momento, ĉar la internaciaj organizaĵoj bezonas interrilatilon, kaj ni devas fari ĉion eblan, por ke oni elektu Esperanton; sed por tio Esperanto devas esti facila lingvo.

Fine mi avertas la Esperantistojn en la tuta mondo kaj admonas ilin en dekdua horo forigi la malfacilaĵojn, kiuj povus esti la kaŭzo, ke E. neniam atingos sian celon, nome: esti la mondhelplingvo.

# LITERATURO

*WALTER MUDRAK, Vieno:*

## Teatro en la servo de la Paco (Daurigo)

En numero 1—2/1947 de AER ni sciiĝis pri la „malkovro“ de la bonega kontraŭmilita komedio Lysistrata (nun ankaŭ filme prezentata kiel „Triumfo de l'Amo“ — Triumph der Liebe) de la greka poeto Aristophanes de la jaro 400 antaŭ la naskiĝo de Kristo. — Dume nia, al sia kultura kaj humaneca misio redonita teatro denove montris sian porpacan servemon:

En „Wiener Kammerspiele“ oni, kvankam kvazaŭ eksperimente, sed sukcese, prezentis longan tempon la certe iom strangan, efektive animan dramon „Dir selber treu“ („Fidela al vi mem!“) de Hans Wirz laŭ samnoma romano de la anglo Eric Knight, unu el la plej signifaj verkoj de la angla literaturo en la lastaj jaroj.

Sen eksteraj helpiloj de dekoracio kaj ekipaĵo sole pere de la „eternaj rimedoj de la teatro“ nome: fantazio, vorto kaj arto de la aktoroj aperas antaŭ la spirita okulo jen dramatika okazado forte tuŝanta. Ludante en Anglujo post la granda reirado de Dünkirchen (Dunqerque), ĝi tamen montras profundimprese la ĝeneralajn batalojn kaj konfliktojn de la junularo, ankaŭ ina, elŝirita el sia natura vivevoluo al deviga militservo, la senmoraligan efikon de milito kaj tuta militarismo kaj militista vivo, la problemon de gejunula amo dum la ankaŭ la amon malaltiganta kaj fi-formanta militarista medio. La iam sentata „naŭzo“ je mortigado kaj murdado, la konsidero de rifuzo de militservo pro religiaj kaj konsciencaj kaŭzoj, trovas pritrakton. Kaj kvankam la „heroo“ de la dramo, la soldato Clive kontraŭ sia unua intenco decidas reiron el la libertempo al la armeo, sed

survoje estas mortigita ĉe aeratako, la certe nekutima verko tamen estu taksata kiel porpaca. Ĉar ĝuste la senĝena prezentado kaj paroligo de la vera flanko de milito kaj militista vivo pensigas kaj al paco sopirigas! Ni krome ne forgesu: La koncerna romano do povis esti publikigita en Anglujo en ties certe serioze kriza tempo dum la lasta milito, kaj oni tie la sinceran kaj senrezervan kritikemon je milito kaj soldata vivo toleris: Jen vera demokrateco, laŭ kiu ja ankaŭ ekzemple senarmila servo por rifuzantoj de militservo pro religiaj kaj konsciencaj kaŭzoj en la oficiala Brita leĝo pri la Nacia Defendo estas entenata. —

Vere belan donacon faris al ni ree la teatro „Die Insel“ (L'insulo) per la modele prezentita bonega komedio „H e l d e n“ („Herooj“) de Bernhard S h a w. Tiu unika teatraĵo aperis jam 1896 kaj de tiam ne estis ŝatata en la militemaj landoj. La de aventuraj militgloremuloj trompita kaj tentita kompatinda homaro do devis paŝadi tra la sangmaroj de du teruregaj mondmilitoj por, kiel viktimo, el tuta koro ekkrii aplaŭdegon al tiu impresplena porpaca verko. Ĝi fakte de la unua ĝis lasta sceno estas trafa atako al la a r o g a t. n. „militheroeco‘, kiun ĝi senigas de ĉiu ŝajno kaj trompo. Ĝi ludas dum la milito inter Serbujo kaj Bulgarujo 1883. Jen majoro (Saranoff) ordonas rajdistan atakon kontraŭ baterio nepre pereigan por la atakantoj. Sed la baterio erare havas malĝustan municion. Per tiu hazardo la atako sukcesis kaj ĝia ordoninto ne povas sufiĉe fanfaroni pri tiu glora venko. Li cetere poste pruviĝas en civila vivo kaj en la amo ĉio alia ol heroeca. Dume kapitano Plonschil, sviso, vera hero kaj tial modesta kaj noblekaraktera, ĉiuokaze ne kondutis laŭdeve „soldatece-heroe“, li sincere celis, savi sian vivon kaj nomas sin mem „P r a l i n e o - s o l d a t o“. Sed li des pli montriĝas kuraĝulo, vere heroa, en la vivo ĝenerala kaj en la amo kaj finfine konfesas, ignorante ĉiujn honorigantajn titolojn ktp., ke li havas la plej belan „rangon“, kiun la mondo al li povas doni, nome la rangon de „l i b e r a s v i s a ŝ t a t a n o!

Kontentege oni forlasas do la teatron kun la a r d a deziro, ke plej eble multaj, ho, ke ĉiuj el niaj kunvivantoj, vidu kaj travivu tiun nuntempe pli ol iam ajn aktualan u n i k a n, tiel nature kaj kompreneble home kontraŭmilitan komedion de la fama Irlanda poeto. Jen vere teatraĵon en la sentima malkaŝa servo de la paco.

---

**Aforismoj**

Al la laborado por Esperanto instigis nin ne la praktika utileco, sed nur la penso pri la sankta, granda kaj grava ideo, kiun lingvo internacia en si enhavas.

Zamenhof.

*RUDOLFO SVANEKE:*

# Ŝakludo

Prokuroro Kordai sidis pensplene antaŭ la kameno kaj rigardis en la flamojn. Dum ĉiu ekflamo de la fajro, li vidis en duonlumo de nur per alta tablolampo lumigita ĉambro la palan vizaĝon de l'kondamnito Sidonio Malota antaŭ si, kiu morgaŭ devos iri al la eŝafodo. Ĉu tio estis la kaŭzo de lia nervozeco? Aŭ ĉu venis al li duboj pro la verdikto parolita laŭ lia propono?

Ne, tio certe ne estis. Sed la multegaj leteroj, la ekscitiĝo de la geaŭskultantoj kaj ĵurnalistoj kontraŭ lia rifuzo subteni la pardonpeton, tio ĉio je la fino de nervojnforuzinta tribunala kunsidperiodo estis la kaŭzo preni tuj post la finiĝo de la proceso malsanulan forpermeson kaj la plenumon de la pluaj formalaĵoj lasi al iu kolego. Li estis laca kaj ripozbezona. Dum tagoj li ne plu estis leginta gazeton, nek aŭskultinta Radio-raportojn kaj elkontaktigita estis la telefono. Liaj konatoj lin certe ne plu supozis en Budapeŝto, sed ie en trankvila arbara soleco, kien iri li jam plurfoje deklaris.

Kordai ekprenis denove la libron, kiu malfermite kuŝis antaŭ li sur la fumtablo, kiam li ekaŭdis brueton. Eble ke tio estis la noktvento, kiu batigis branĉeton de arbo al la fenestro, sed liaj nervoj estis tro ekscititaj. Ĉagrenite pro sia maltrankvilo li elleviĝis por esplori la kaŭzon de la brueto, kiam en la sama momento la kurteno de la apudĉambro estis flankenŝovita kaj viro kun revolvero en la antaŭen etendita mano envenis la ejon.

„Bonan vesperon", diris la entrudulo. „Vi certe estas surprizita min vidi ĉi tie?"

Kordai ŝanceliĝis unu paŝon malantaŭen subpremante ekkrion de surprizo. Estis la bone konata voĉo, la pala inteligenta vizaĝo, la iom antaŭen klinita staturo de Sidonio Malota.

„Kiamaniere vi venis ĉi tien?" baltutis Kordai, kaj poste donante al si mem la respondon: „rifuĝinte — nature! Sed kiel tio estis ebla?

„Vi do nenion scias?" demandis la kondamnito kun iom mirigita rigardo, sen dume mallevi la armilon.

„Ŝajnos al vi mirige, sed estas fakte tiel." Kordai retrovis sian eksteran trankvilon, kiam li daŭrigis: „Mi estas atentema gazetleganto, sed nenia Radio-entuziasmulo. Sed al la afero! Kial vi estas ĉi tie kaj kion vi deziras de mi? Ŝidiĝu do!"

Malota sekvis malvarmsange la inviton. „Mi volas ludi kun vi ŝakpartion, sinjoro prokuroro", li diris lakone. La respondo estis tiel surpriziga, ke Kordai ne povis subpremi rideton: „Mi komprenas; la lasta deziro de kondamnito!"

„Aŭ la unua.“

Kordai rimarkis, ke lia sarkasmo tiel timita en la juĝejo ĉie tie malfunkciis. Malota tiris el sia mantelpoŝo trankvile etan vojaĝŝakludon kaj metis ĝin sur la tablon.

„Vi ĝuas“, li senĝene daŭrigis, „en ludrondoj la famon esti eminenta ŝakludanto, kiel mi aŭdis. Mi mem havis plurajn jarojn la titolon de majstro; ni do estas egalvaloraj kontraŭuloj. Pro tio la prezo por kiu ni ludos ankaŭ ne bagatela.“

„La prezo?“

„Via vivo aŭ la mia.“

Malota malfermis la ŝaktabuleton kaj plen-mano da figuretoj eburskulptitaj ruliĝis sur la tablon. „Se mi gajnos, tiam mi mortigos vin. Ĉe mortiginto, kiel vi tian en mi vidis kaj certe ankoraŭ vidas, ne mirige, ĉu ne vere? Kontraŭe, se vi gajnos, tiam mi estos je la dispono de l'juĝestraro. La ideo eble estas absurda, sed naskita el plej granda anima mizero. Sed mia deziro estas, vin foje en la konscio de via plena senkulpo kun ĉiuj rimedoj de malvarma logiko igi lukti por via vivo, kiel mi luktis por la mia. — Blanka aŭ nigra? Vi povas elekti la figuron, kiun mi tenas an la fermita maldekstra mano aŭ tiun, kiun mi kaŝtenas malantaŭ mia dorso. Mia dekstra bedaŭrinde ne estas libera, ĉar mi devas teni la revolveron.“

Kordai per rigidiĝintaj okuloj rigardis sur la ŝaktabuleton. Liaj pensoj kuris rondojn kiel konfuzaj ektimigitaj koboldoj, kiuj ne trovis eliron. Tiam li preskaŭ meĥanike diris: „Mano!“

„Nigra! Mi komencas!“ Malota metis sian horloĝon sur la tablon kaj antaŭen ŝovis soldaton. „Mi submetas min al la leĝo, kiun vi al mi diktas“, aldonis Kordai ironie. „Tiam ni hodiaŭ foje ŝanĝis la rolon“, rimarkis la kontraŭulo.

Blanko ŝovas — nigro ŝovas — blanko — nigro. — Diable bona ludanto tiu Malota! Stranga sento, kun malvarma sagaco esti devigata ludadi por sia korpo. Eble, ke kelkiu akuzato en mortprocedoj travivis similajn sentojn kiel nun li?

Kordai rigardis sur la figurojn; saltsimile moviĝis la sekundmontrilo de l'horloĝo. Li ŝovis kurieron antaŭ la minacita reĝo kaj perdis unu turon. Sensenca ŝovo. La kvara perdita figuro, kiu nun kuŝas sur la alia flanko de la tablo.

Estas verdire tre malsingardema tiu ĉi fraŭla ĉeestado sen geservistaro en la domo, pensis Kordai. Viro en mia pozicio ja devus esti ĉiam preparita pri malagrablaĵoj kaj danĝeraj surprizoj. Ĉu iu ĝustatempe venus? Sed kiu? La policistaro? Ili ĉi tie la fuĝinton tutcerte ne supozus. Malproksime turhorloĝo kvazaŭ trankvile kaj singardeme batis la dektrian horon.

„Ŝako la reĝon!“ Kordai ektimiĝis kaj fikse rigardis per vitrecaj okuloj sur la tabuleton. „Mata!“ Majstrece alkondukita fino kaj tute surprizige. „ Mata.“ Malota leviĝis. Alten rektigite li staris ĉie tie, la revolveron direktante al Kordai.

„Mi pensas, la ludo estas decidita“, li diris per malvarma ĝentileco. „Mi havas ankoraŭ nur unu peton: ĉu mi devas enkontaktigi vian Radioaparaton? La bruo de la laŭtparolilo supersonus la bruegon de l'pafo.“ Antaŭ ol Kordai ion povis rediri, Malota per du paŝoj atingis la kvarlampan aparaton en la angulo de la ĉambro kaj enkontaktigis ĝin. Muziko eksonis en la ĉambro.

Kordai eksaltis. „Pafu do, sed tion mi ne povas elteni — tion ne!“

La muziko ĉesis per subita akordo, maltrankviliga, malplena silento estiĝis.

Tiu ĉi fiulo ne kuraĝas pafi, anfaŭ . . . Jen denove eksonas la laŭtparolilo. Informservo. „Kiel ni jam raportis, al Sidonio Malota, pro mortigo je mortpuno kondamnita, kies ekzekuto por morgaŭ estis decidita, oni surprize donis la liberon. Kiel oni ĝis nun raportis kompletige, la vera murdinto, turmentita de riproĉoj de l'konscienco anoncis sin mem ĉe la policistaro, kiuj . : .“

Krako, la aparato estis elkontaktigita.

En la elektre ŝarĝita trankvilo sekvanta, ambaŭ viroj reciproke silenteme sin alrigardis, esplorante unu la alian. „Mi ne povis supozi, ke vi nenion pri tio sciis“, fine diris Malota kaj metis la armilon antaŭ Kordai sur la tablon. „Sed poste mi pensis, ke la vespera raporto estus surprizo por vi kaj mi laŭ tio metis la tempon de l'ludo. Nun vi havas veran akuzon kontraŭ mi: Minacado al la prokuroro! Tre interesa proceso!“

Kordaj ne tuj respondis. Ŝajnis, ke li kun si mem luktis internan batalon. Poste li diris serioze: „Vi sendube faris punindan agadon, Malota. Mi tamen volas agnoski vian internan staton kiel mildigan kaŭzon. La afero restas inter ni. Kaj nun“ — dum li residiĝis en la seĝon, li rimarkis, ke Malota staris kaj invitis lin fari la samon — „rakontu al mi, kio do esence okazis intertempe?“

Tradukis Steinbach Leo.

*RAIMUND LEBER:*

# Mia plej granda kordoloro

Hamburg printempo 1913. Estis mia sopiro transoceaniĝi. St. Pauli estis por mi la pordego en la mondon.

Mi juna revulo sidis dum tagoj sur la kajo en la haveno, proksime ĉe la albordigejo. La pulsanta vivo, la vigla ŝiptrafiko sur Elbe, la ĉarma beleco, ĉio ravis min. Sed en mia koro rodis la sopirego povi transoceaniĝi. Mi do iris en la maristan laborperejon de la sudamerika ŝipkompanio por esti dungota al iu ŝiplaboro. Mi havis ŝancon surŝipiĝi kiel kaldronpurigisto aŭ karbprovizanto en la hejtejo. Mia koro batis pro ĝojo. Post tri tagoj la ŝipo ekveturos. Dum tiu tempo mi devas ordigi ĉion necesan por povi kunveturi.

Sed la aŭstria ambasadoro rifuzis doni al mi pasporton transoceanan. Mi vidis forflugi miajn iluziojn. Eble mi sukcesos surŝipiĝi sen pasporto. Tial mi spionis ĉe la albordigejo por povi en taŭga momento ŝteliri sur la ŝipon. Ĝi ankris sur Elbe. Morgaŭ la ŝipo ekveturos al Buenos Aires. Mi maltrankviliĝis, febris, malĝojis. Denove mia sidbenko estas la kaja muro. Vid-al-vide en la sunbrilo ŝanceletiĝis la fiera, blanke lakita vaporŝipo. „Cap Arkona" mi legis sur la ŝipventro. Laŭ longeco, larĝeco kaj alteco ĝi havis 28.000 tunojn. Nun mi cedas mian lokon, maltrankvilo pelis min tien. Almenaŭ la solenan ekveturon mi volas travivi kaj ĝui la subliman senton de la adiaŭa akto. Finfine la vinĉoj ekturniĝis,la pezaj ĉenoj brue montetiĝis sur la ferdeko. Malrapide la ŝipo, la tombo de miaj iluzioj, moviĝis al la albordigejo. La forveturontaj homoj premiĝis en la halo antaŭ la enirejo sur la ŝipon. Policanoj en unuiformoj, sekreta policistaro, doganistoj, ŝipoficistoj kontrolis, perlustris, esploris. Relative rapide ĉio okazis. Tra tiu ĉi kordono da gardistoj de la leĝo ne estas eble trairi sen la necesaj dokumentoj. Kun sanganta koro mi devis rezigni transoceaniĝi.

Nun la momento de ekveturo. La ŝipsireno ekbruis, hurlis. Sur la ferdeko amaso da pasaĝeroj kaj sur la kajo la hejme restantaj geparencoj kaj multaj scivoluloj. Bruege aŭdiĝas reciprokaj bondeziroj tien kaj reen. Oni svingas adiaŭe manojn, tukojn kaj ĉapelojn. La ŝiporkestro ekmuzikas la melodion:

> Ĉu mi do, ĉu mi do
> Devas migri for, migri for
> Kaj vi solan lasas min . . .

La ekstazo de la adiaŭo atingis kulminon. La fiera ŝipo ekmoviĝis, trenate de aro da trenŝipoj for el St. Pauli.

Pli kaj pli ĝi malgrandiĝis, punktiĝis. Kun larmoj en la okuloj, kun granda veo en la koro mi postrestis, la lasta sur la kajo el la adiaŭinta homamaso. „Cap Arkona", grandegulo de la maro, vi estis mia plej granda disreviĝo!

---

## Kiom pezas pluva guto?

Kiu jam cerbumis pri la demando, kiom pezas pluva guto? Nu, sciencistoj jam okupis sin pri la menciita demando kaj konstatis, ke unu el tiuj „ĉielaj larmoj" diametre mezuras 0,4 ĝis 10 milimetroj (tio dependas de tio, ĉu temas pri polvosimila pluvo aŭ pri pluvotorento). Kiam pluvgutas kaj tia akvoperlo falas sur vian nazon, ĝi pezas 0,2 gramon. Oni ankaŭ kalkulis, kiom longe ĝi bezonas por la vojo ekde la nubo ĝis nia nazo: meznombre 4 metrojn posekunde, grandaj gutoj 7,5 metrojn. Kiam okazas intensa pluvego, ĝi havas rapidecon de 27 kilometroj pohore.

„Pluvas." Facilanime oni diras tion, oni iomete ĉagreniĝas, kiam intencita ekskurso en la vera senco de l' vorto falas en akvon aŭ nova ĉapelo pro pluvo deformiĝas, sed la statistikisto rigardas la aferon de alia flanko. En tuta Germanujo ekzemple ĉiujare la pluvokvanto atingas altecon de 600 milimetroj, tio rezultigas 250 miliardojn m³ da akvo. Ni komparu: La plej granda lago en Germanujo — Bodensee — enhavas 48 miliardojn m³ da akvo. Oni do vidas, kia ega kvanto da akvo ĉiujare nur sur unu solan landon venas de la ĉielo.

Sed la naturo en bona maniero zorgas, ke la giganta akvokvanto en eterna cirkulo ree venu tien, de kie ĝi estas veninta. Preskaŭ la duonon de la pluvo tuj absorbas la tero, la alia vaporiĝas.

La pluvokvanto, kiun akceptas la vegetaĵaro, oni povas nomi modesta. Al arbaroj kaj kampoj, ĝardenoj kaj herbejoj sufiĉas 8 procentoj de la tuta pluvokvanto. Plej malmulte bezonas la homo por si. Nur 1 procenton de la ĉiujara pluvokvanto li eluzas por siaj nutrado kaj mastrumado. Kompilis St. Z.

# Niaj reprezentaj devoj

Kiel kulturitaj homoj ni devas plenumi multflankajn postulojn. Ni devas senti nin en ĉiuj pozicioj de ni okupataj kiel reprezentantoj kaj devas agadi laŭ tiu ĉi fakto. Do: kiel reprezentantoj de la nacio aŭ popolo, al kiu ni apartenas, de la profesio, kiun ni praktikas, de la religio, kiun ni konfesas, de la politika partio, kies membroj ni estas, de la ŝtata reĝimo, kiun ni agnoskas, de la kultura idealo, kiun ni aspiradas, de la Lingvo internacia, kiun ni uzas kaj akcelas, de la familio, kies parton ni prezentas, kaj fine de la sekso, kiun ni ricevis en la patrina ventro.

Kiel ajn ni klopodas serioze plenumi niajn reprezentajn devojn — en unu punkto ni estu plej akurataj: kiel homoj. St. Z.

# Flugile per la kanto . . .

**De Heine.**

Elgermanigis H. Sirk.

Flugile per la kanto
mi portos vin, korinfan',
ĝis al Gangesa la lando,
ĝis loko de arda flam'.

Floranta ĝarden' sin etendas
en luna la kviet',
la lotusfloroj atendas
je ĉarma fratinet'.

Karese flustras mimozoj,
rigardas pli supren al stel';
kaŝe rakontas la rozoj
fabelojn al sia orel'.

Por aŭdi kun salt' alkuras
gazeloj, ĉarma mister';
kaj en la for' murmuras
la ondoj de l' river'.

Kaj tie ni suben sinkos
palma sub la tegment',
kaj amon kaj pacon trinkos
kaj revos en la kontent'.

Rimarkoj de la tradukinto: Heine (1799—1856) estis unu el la plej famaj germanaj poetoj. Li naskiĝis en Düsseldorf kaj vivis de 1831 en Parizo, kie li mortis kaj estis entombigita por eterna ripozo.

Kiel mi aŭdis dum la milito per la Brita Radio, lia tombo estis tute detruita de S.S.-uloj.

Zamenhof tradukis el liaj poemoj: En sonĝo . . ., En nord' unu pino . . ., kaj Lorelej' (ĉiuj en Krestomatio) kaj el liaj prozaĵoj: La Rabeno de Baharah. Pillath (Zanoni) tradukis el Heine Elektitaj poemoj kaj la prozaĵon Atta Troll, somernokta sonĝo.

Belmont ankaŭ tradukis: Flugiloj de la Kanto (en „Libro de Kantoj“).

## VERECO

Vin, plej granda sekreto de ĉiu tempo, vereco, ĉu mi vin trovos? Au ĉu ni ĉiam restos fuŝantoj, kiuj nur vidas la fajreron de via flamego, ni esploristoj, filozofoj, meditantoj? Ĉu ni entute povas kompreni vin? Aŭ ĉu nur favora fato protektas nin kontraŭ via grandeco, kiu krevigus niajn cerbujojn, kiu frenezigus nin? Ni ne scias tion.

Sed ĉu ni povas forlasi vin, preteriri apud vi kaj nur rigardi la eksteran ŝajnon de la aferoj? Ĉu ni povas esti kontentaj kun tio? Ne, ni ne povas, ĉio en ni revolucias kontraŭ tio, malgraŭ ke tiu scivolado rabas nian trankvilon kaj nian feliĉon.

Sed spite al ĉiuj danĝeroj kaj ĉiu malfeliĉo, spite al ĉiuj malsukcesoj kaj disreviĝoj ni batalos por vi kaj serĉos vin — ĉar estas nia fato kaj ni ne farpovas alie — vin, nian pereon, nian amon, enhavon kaj celon de nia laboro kaj vivo, vin, vereco! W. Gärtner.

## *Klara respondo*

La filinon sendis Lino
Al la komercisto Flanĝ',
Ke alportu la knabino
Fruktojn por vespera manĝ'.

„Prenu do la du telerojn
Kaj alportu vi, Helen',
Sur unua la vinberojn,
Sur la dua prunojn jen!"

La infano forpromenis
Ĉar ja estis jam vesper',
Kaj tre baldaŭ ĝi revenis —
Sed kun unu nur teler'.

„Kie estas la alia?"
Sin demandis la patrin'.
„Ho pardonu, panjo mia,
Mi sur strato rompis ĝin!"

„Tondro! Diru, stultulino,
Kiel tion faris vi?" —
„Nu, rigardu mem, patrino!" —
Kaj — la duan rompis ŝi.

Alois Norbert

## LA ORA REGULO

El la Sanktaj Skriboj de multaj landoj.
Esperantigis Roan U. Orloff. Represita el „Global Thinking."

| | |
|---|---|
| EGIPTUJO 1600 a. Kr. | Li deziris por la aliaj la bonon, kiun li deziris por si mem. Li antaŭenpaŝu. (Libro de la Mortintoj) |
| HINDUJO 1500 a. Kr. | La vera regulo de la vivo estas tiel zorgi kaj fari pri la aferoj de aliaj, kiel oni faras pri la siaj. (Hindaj Skriboj) |
| GREKUJO 1100 a. Kr. | Ne faru al via najbaro tion, kion vi malamikece akceptus de li. (Grekaj Skriboj) |
| PERSUJO 650 a. Kr. | Faru tiel, kiel vi deziras, ke oni faru al vi. (Vortoj de Zoroaster) |
| ĈINUJO 550 a. Kr. | Repagu malutilon per bonvolo. Al la nebonaj mi estus bona por fari ilin bonaj. (Vortoj de Lao-tse) |
| HINDUJO 450 a. Kr. | Oni deziru por aliaj la feliĉon, kion oni deziras por si. (Unua Budhista Konsilantaro ĉe Rajagriha) |
| ROMO 150 a. Kr. | La leĝo impresita sur la koroj de ĉiuj homoj estas, ami la socianojn kiel oni amas sin. (Leĝaro de Romo) |
| PALESTINO 10 a. Kr. | Kion ajn vi ne deziras, ke via kunhomo faru al vi, ne faru tion al li. Ĉi tio estas la tuta leĝo. La cetero estas nur klarigo de tio. (Vortoj de Rabbi Hillel-Talmudo) |
| DUMVIVO DE KRISTO | Ĉion ajn do, kion vi deziras, ke la homoj faru al vi, vi ankaŭ faru al ili; ĉar tio estas la leĝo de la profetoj. (Vortoj de Jesuo, Mateo 7,12) |
| ARABUJO 625 p. Kr. | Neniu el vi traktu sian fraton laŭ maniero, en kiu li mem malŝatus esti traktata. (Vortoj de Mohameto, La Korano) |
| IRAKO 1860 p. Kr. | Ho filo de homo! Se vi plenumas kompaton, vi konsiderus ne tion, kio utilas al vi mem, sed tion, kio utilas al homaro. Se vi plenumas justecon, elektu vi por aliaj tion, kion vi elektas por vi mem. (Vortoj de Baha'u'llah, Bahaaj Sanktskriboj) |

**Spritaĵoj**

**La nekonata aŭtoro**

La ekzamena demando, kiun donis fama profesoro al unu el siaj ekzamenatoj, estis jena: „Kiu verkis Hamlet-on?“ Kaj la respondo estis: „Mi ne, ŝatata sinjoro profesoro.“ Jen, kun tio komenciĝis la malfeliĉo.

Vespere, en nobla societo la profesoro rakontis tiun okazintaĵon al sia tablonajbarino kaj ŝi, kun intereso aŭskultante, respondis: „Kaj li vere ne verkis ĝin?“

Nun la profesoro turnis sin al sia maldekstra najbarino kaj rakontis la aferon pri la ekzameno. „Kaj li tamen verkis ĝin?“ ŝi demandis.

Gemante li raportis la travivaĵon kaj ĉiujn respondojn al la gastigantino. Ŝi atenteme aŭskultis kaj poste diris: „Do, oni neniam ekscios, kiu verkis tion?“

Treege mirigite la profesoro, akompanate de anglo, forlasis la domon kaj ankaŭ al li rakontis la tutan aferon. Precipe li miris pri la respondo de la gastigantino: „Do oni neniam ekscios kiu estis tiu———?“

La anglo ridetis pri la aflikteco de la profesoro kaj diris: „All right! En tiu ĉi momento ankaŭ ni ja ne povas ekscii tion.“ Tradukis Loibel G.

## *Stranga paciento*

Multaj homoj jam atendis
En la ĉambro de l'doktor',
Ĉiu pri malsano plendis,
Pri sufero kaj dolor'.
Fine venis en la ĉambron
Kuracisto Karlo Lambron.

„Kiu do el vi atendis
Tie ĉi plej longe min?“
Kaj rapide do prezentis
Jen vireto simpla sin
Kun papero en la mano,
Evidente sen malsano.

„Mi atendas jam sep jarojn,
Mi ja estas la tajlor'.
Pagu fine la vestarojn,
Jen fakturo, ho sinjor'!
Vi promesas kaj konsolas,
Sed mi fine monon volas.“

Alois Norbert

# LA ESPERANTO-MOVADO EN AUSTRIO

## 2-a AUSTRIA ESPERANTO-KONGRESO

Kufstein en Tirol

29. — 31. de Aŭgusto 1947

En la kadro de la kongreso okazigos Aŭstria Esperantista Federacio sian ĝeneralan kunvenon por la jaro 1947.

Dum la sama tempo kaj en la sama loko estos aranĝata la jarkunveno 1947 de la Aŭstria Societo de Amikoj al Esperanto.

En la tagordoj de ambaŭ organizoj estos pritraktataj organizaj aferoj, krome okazos prelegoj, amikaj vesperoj inter la kongresaj delegitoj el ĉiuj federaciaj landoj de Aŭstrio, diservo kun prediko en Esperanto, ekspozicio kaj ekskursoj en la montarajn regionojn de la bela lando Tirol.

La plena tagordo estas konigita kaj la kongresaj aliĝiloj jam dissenditaj al la membraro de AEF kaj al la Amikoj al Esperanto per speciala informilo.

La kongreson certe ankaŭ partoprenos diversaj aŭtoritatuloj.

Tial, por morale apogi la Esperanto-movadon en Aŭstrio kaj por pruvi al la neesperantista publiko la disvastiĝon de Esperanto tra la tuta mondo, la eksterlandaj Esperanto-organizoj (grupoj) kaj geesperantistoj afable estas petataj sendi okaze de la Aŭstria Esperanto-Kongreso salutleterojn aŭ kartojn al jena adreso: Esperanto-Kongreskomitato, prezidanto d-ro Alfons Huber, Kufstein-Zell, Tirol, Aŭstrio.

### Aŭstria Generala Poŝtdirektoro favoras Esperanton

En la oficiala bulteno de la aŭstria poŝta administracio n-ro 3, de 28. 2. 1947, publikigis ĝenerala poŝtdirektoro d-ro Karl Dworschak jenan komunikon:

Esperanto-fakgrupo de la poŝtistoj kaj telegrafistoj „Fondiĝis E-fakgrupo de la poŝtistoj kaj telegrafistoj, kiu celas la disvastigon de Esperanto inter la faka kolegaro. La fakgrupo estas nepolitika kaj strebadas ekskluzive meti la ideon de internacia lingvo Esperanto en la servon de nia poŝta institucio kaj akcelas Esperanton ĉiurilate en la poŝtistaj rondoj.

Gravan taskon konsideras la fakgrupo ankaŭ en tio, okaze de internaciaj kongresoj en Aŭstrio povi disponigi en Esperanto bone instruitan poŝt- kaj telegrafistan personaron por poŝtaj rondoj.

Estante honora membro de la Societo de Amikoj al Esperanto, mi salutas la fondon de la E-fakgrupo inter la poŝt- kaj telegrafistoj kaj deziras al ĝia celado plenan sukceson."

### Fervojista fakgrupo esp-ista

Inter la 23. — 26. 4. 1947 okazis la Kongreso de la fervojista sindikato, en kiu partoprenis ĉirkaŭ 700 delegitoj el ĉiuj federaciaj landoj de Aŭstrio. Ĉi tiun bonan okazon profitis la fakgrupo esp-ista por atentigi la sindikatajn delegitojn pri la praktika valoro de Esperanto. En niĉo de la kongresejo estis aranĝita E-ekspozicieto per E-gazetoj diverslandaj, korespondaĵoj kaj fotoj el vojaĝoj per Esperanto. Krome estis distribuata grandamase la konata poresperanta gazeto „Die Weltsprache" (La mondlingvo), kiun afable senpage disponigis al la fakgrupo la administracio de la nomita gazeto, pro kio ni esprimas nian koran dankon al s-ano Katzianka.

La sindikatestro Richard Freund ankaŭ donis al la sekretario de la fak-

grupo la eblon paroladi antaŭ la delegitaro pri Esperanto kaj s-ano Josef Zink trovis per sia elokventa parolado multan konsenton kaj la sindikata estraro instigis la delegitojn ĉie laŭeble apogi la laborojn kaj varbadon de la esp-ista fakgrupo. La sindikata organo „Der Eisenbahner" (La fervojisto) raportis ankaŭ pri la fakgrupo. La esperantistaj fervojistoj do atingis en la sindikata kongreso pli da sukceso ol esperite.

Despli seniluziigitaj ni estis kiam ni parolis pri Esperanto kun la el London (kiel gasto ĉe la kongreso) veninta sekretario de la Internacia Transportlaborista Federacio (ITF), k-do Paul Tofahrn, kiu esprimis sin kontraŭ Esperanto, ĉar ĝi laŭdire ne havas sciencan fundamenton.

Ni bedaŭras ĉi tiun nunan sintenon de ITF kontraŭ Esperanto, kiu iam sub la gvidado de sia mortinta ĝenerala sekretario Nathans tre akcelis Esperanton inter la trafik- kaj transportlaborista esperantistaro per la fondo de iama IFETT.

**La kultura laboro de AEF estis rekonita per subvencioj**

Per la modestaj membrokotizoj AEF ne povus kovri la diversflankajn elspezojn por la organiza laboro, propagando, gazeto ktp. Tial turnis sin la centra estraro al kelkaj oficialaj instancoj kun la peto subteni la kulturan kaj pacakcelan agadon de la esperantista organizo per subvencio. La petskriboj havis sukceson kaj asignis al AEF jenajn subvenciojn:

| | ŝil. |
|---|---|
| Federacia ministerio por instruado ....... | 500.— |
| Aŭstria sindikata ligo ... | 500.— |
| Laborista ĉambro de Vieno . | 1000.— |

AEF sincere dankis al la ministerio, kiun estras d.ro Hurdes, kaj ankaŭ al la nomitaj laboristaj institucioj, kiuj montris per tiuj subvencioj, ke ili grava taksas la Esperanto-movadon en Aŭstrio.

Tio devigas la aŭstrian esperantistaron ĉiuforte plulaboradi por la disvastigado de la Esperanta ideo malgraŭ ĉiuj nun ekzistantaj grandaj malhelpoj. Kiam Aŭstrio fakte estos lando libera, certe ankaŭ la vojo al pli prospera Esperanto-movado malfermiĝos.

**Memorkunveno okaze de la Zamenhofa mortotago**

AEF kune kun la Societo de Amikoj al Esperanto aranĝis la 20. 4. 1947 en la ĉambrego de la Esperanto-centro en Wien memorkunvenon okaze de la mortotago Zamenhofa. Oratoris s-ano d-ro Görlich, kiun dankis la aŭskultantoj per vigla aplaŭdo. Poste mallonge raportis s-ano Raimund Cech pri la fina kuniĝo de IEL — UEA, kiun komunikon la kunveno ĝoje akceptis. Per disvendo de „konstruŝtonoj" oni povis asigni al la propaganda fonduso ŝil. 40.—.

**Lernantoj de Viena ĉeflernejo korespondas per Esperanto**

Grupo da 12—14 jarojn aĝaj lernantoj de la ĉeflernejo por knaboj en Vieno VIII., Zeltgasse 7, partoprenintaj Esperantokurson gvidatan de la instruisto Josef Geissler, ekprenis viglan Esperantokorespondadon kun diverslandaj geknaboj kaj interŝanĝas ankaŭ poŝtmarkojn. Ili spertis, ke la aŭstriaj poŝtmarkoj pro siaj belaj pejzaĝbildoj trovas eksterlande multan plaĉon.

**Sanĝoj de grupkunvenoj en Wien**

Verda Stelo — Wien V., nun kunvenas ĉiumarde de la 18.30—20.30a h. en la grupejo Wien V., Grohgasse 8. La grupo aranĝos letervesperon. Gesamideanoj, bonvolu do sendi multajn leterojn kaj poŝtkartojn. Ni certe respondos al ĉiuj. Adreso: A. Grabner, Wien V., Bräuhausgasse 73.

Progreso — Wien VIII., de nun aranĝas siajn kunvenojn kune kun la grupo Danubio ĉiun duan kaj kvaran lundon en la kuranta monato je la 18.30a h. en gastejo Zboril, Wien VII., Sigmundgasse 14.

Antaŭen — Wien XIX. Dum la someraj monatoj la grupanoj kunvenas

nur ĉiun duan kaj kvaran mardon de la kuranta monato je la 18—19.30a h. en la grupejo Wien XIX., Billrothstraße 48, I/6.

**E-grupo „Progreso“ — Wien VIII**

aranĝas ĉiuĵaŭde Esperantokurson por lernantoj de ĉeflernejoj. Ĝi okazas en la lernejo Wien VIII., Lercheng. 19/III. Kursgvidanto: Josef Geissler.

**Esperanto-ekspozicieto en Ebensee, O.Ö.**

S-ano F. Weißkirchner, en Ebensee, aranĝis tre efikan kaj plaĉan Esperanto-ekspozicieton en la elmontreja fenestro de la komercisto Dekapun samloke. Granda landkarto, prezentinta la kvin kontinentojn estis superata de Esperantostelego kaj surskribita: „Esperanto kondukas al paco inter ĉiuj popoloj.“ Esperantaj libroj, gazetoj, koresponda materialo, poŝtmarkoj k. c. kompletigis la ekspozicieton, beligitan ankaŭ de floroj. Ĉiuokaze imitinda ekzemplo de efika varbado per modestaj rimedoj, pro kio s-ro Weißkirchner meritas plenan rekonon.

**E-grupo Verda Stelo —Steyr, O.Ö.**

La adreso de la grupo n e estas Steyr, Werndlgasse 12, sed ĝuste Hans Zeller, Steyr, Schlüsselhofgasse 25, O.Ö.

**VERDA JUNULARO — Landeck, Tirol**

Ĝi estas grupo da junuloj en Landeck kaj parto de la loka E-grupo (AEF). La celo estas kreskigi la ideon de d-ro Zamenhof kaj la propagandon de Esperanto inter la aŭstria junularo. La junaj anoj portas dum kunvenoj kaj ekskursoj blankajn ĉemizojn aŭ bluzojn kun verda kravato, sur kiu estas verda stelo sur blanka fono.

Kun TJO de Holando kaj kun la Unuigita Junularo de Kalifornio, USA, ni estas en konstanta kontakto kaj simpatianta membro de ili. Nun ni ankaŭ ekprenis rilatojn kun la novfondita Danublanda Esperantista Junularo en Hungarujo, kies plano plaĉas al ni.

Ĝis nun ni jam faris 3 migradojn per tendo. Ĉiufoje partoprenis 25—30 gejunuloj kaj kelkaj plenkreskuloj. La migradoj okazas jene: Post atingo de la migradcelo la gejunuloj starigas la tendojn, hisas la Esperanto-flagon kaj poste ĉiuj pertoprenantoj sidiĝas en duoncirklo ĉirkaŭ la flago. Unu el la gejunuloj deklamas nun strofon el „La Preĝo“ de Zamenhof, unue Esperantlingve, poste germane. Tiam sekvas la komuna kanto, la 1-a strofo el „Al la Esperantistaro“. Tiu oficiala parto ĉiam okazas, se ni noktumas en tendoj. Ankaŭ antaŭ estingo de bivaka fajro finiĝas tiel la tago. Poste sekvas la diversaj ludoj kun la gejunuloj laŭ aĝgrupoj. Per tio ni ne nur volas propagandi Esperanton, sed ankaŭ enpenetri per la Zamenhofa idealo en la junaj koroj.

En Julio aŭ Aŭgusto ni intencas fari vojaĝon al Supra Aŭstrio kaj Stirio kaj partopreni la fervojistan renkontiĝon la 9. — 10. 8. 1947 en Landeck kaj kunagi en la programo.

Sed niaj vojaĝoj kaj migradoj kostas ofte multe da mono kaj niaj gejunuloj ne disponas pri tiom da mono. Precipe ni bezonus novan tendon, la nia jam estas tro malgranda kaj tro eluzita. Tial ni turnas nin al la esperantistaro aŭstria kaj al la grupoj, kun la peto, laŭpove donaci al nia junulara grupo malgrandan sumon por povi kovri niajn plej necesajn elspezojn en nia agado. Donacojn bonvolu enpagi: Österreichisches Postsparkassenamt Scheckkonto Nr. 195.356, Alois Hilkersberger, Landeck, Haus Espero, Tirol.

Rimarkigo: AEF-centro apogas la peton de la junulara grupo kaj estas certa, ke la anaro kaj la diversaj grupoj subtenos niajn junulojn laŭpove.

**Esperantoklubo Kufstein, Tirol**

lastatempe eldonis belajn vidaĵkartojn kun bildo de Kaiser-montaro ĉe Kufstein, superradiata de Esperanto-stelo. Teksto en Esperanto. — La tirolaj s-anoj pro ilia vigla agado meritas plenan laŭdon. La red.

**E-grupo Verda Stelo — Voitsberg-Köflach, Steiermark**

En la listo pri la E-grupoj de Aŭstrio publikigita en AER 1—2/1947 pro eraro ne estis menciate, ke ankaŭ en Voitsberg-Köflach fondiĝis E-grupo vigle laboranta, kiun estras nia agema s-ano Joh. Wakonigg. Adreso: E-grupo Verda Stelo, Schule Köflach, Steiermark.

# INFORMOJ DE LABORISTA ESPERANTISTARO

**Karaj gekamaradoj!**

La antaŭa n-ro de AER prezentis al vi sur la paĝo de la laboristaj esperantistoj rezolucion. Tiu rezolucio havis unuavice la taskon informi vin pri la fakto, ke laboristaj geesperantistoj iniciatis la bazan organizan formon por laboro specife laborist-esperantista. Por ĝin skizi la „Laborista Esperantistaro" konceptis kelkajn punktojn, kiuj kompreneble ne pretendas esti la sole eblaj, respektive esti konsiderataj nemodifeblaj. Por fiksi la definitivan laborprogramon estos plej taŭga okazo dum la Aŭgusta AEF-kongreso en Kufstein.

La iniciatintoj de la reorganizado de laborista Esperantolaboro intence rezignis provizore pri fondo de frakcio en AEF, konsiderante, ke frakcio devas esti bone preparita kaj ke per la nomo de frakcio ne estu reprezentataj nur kelkaj fervoruloj, sed, pli ĝuste, impona nombro da esperantistoj — esperantistoj agantaj. Kaj krome la laboristaj Esperantistoj de Vieno ne arogus fondi frakcion de AEF, ne aŭskultinte la opiniojn de la geamikoj en la cetera Aŭstrio. Kiam ni serioze konsideros la estiĝon de frakcio, tiam jam ne devos esti la demando, ĉu la laboristaj Esperantistoj en la tuta Aŭstrio salutos ĝin, partoprenos ĝin kun entuziasmo kaj ĉu la elektita formo de la praktika laboro por la laboristaro kaj por la propagando en la laboristaj partioj favore al Esperanto estos taŭga kaj jam aplikata. toprenos kaj ke nia farata laboro jam Tiam jam devos esti certe, ke oni parrezultigas notindajn sukcesojn. Tiam nia laboro farita devos rajtigi nin pri tiu organiza elpaŝo. La gek-doj, kiuj ekaktivas por nia laborist-esperantisma afero, celas do nun prepari la grundon, samtempe estante tute konvinkitaj, ke la laborista Esperantismo en Aŭstrio ne nur havas ŝancojn, sed, eĉ pli, ke ĝi estas urĝe bezonata!

Tiel la gek-doj nun turnas sin al vi, laboristaj Esperantistoj konsciaj, por peti vin, ke vi komuniku al ni vian opinion, vian aprobon kai vian deklaron por kunlaboro, tuj farante sugestojn. Estas tre urĝe, fari tion, ĉar la AEF-kongreso en Kufstein ebligu jam bone preparitan fakkunsidon de la Laborista Esperantistaro.

La lab. Esp. de Vieno povis jam registri kelkajn ĝojigajn rezultojn de sia komuna laboro, kvankam la kuniĝo okazis nur antaŭ mallonga tempo. Ni citu:

1-e aranĝo de sukcesplena parolado de k-do Hovorka pri Lenin en Palaco Coburg;

2-e komuna festado de la 1-a de Majo en la Centro de AEF;

3-e komuna partopreno de la Majaj manifestacioj de ambaŭ laboristaj partioj, dum kiuj ni marŝis kun la stelornamita ruĝa standardo, kun transparento kaj kun aparta propagand-veturilo; dum kiu ni, aŭdeble per lautparoliloj sur la tuta manifestejo de l'Ring, estis oficiale salutataj de la du partiestraroj; pri kiu oni raportis en Radio Vieno kaj en lab. ĉefgazetoj;

4-e eldono de varbbroŝureto en kvanto de 5000 ekz., kiun ni propagande disvendis dum la Maj-manifestacioj.

Jen sukcesoj certe menciindaj — rezultoj de fervora iniciatemo de relative

malgranda grupo da gek-doj, kiuj organizis ĉion pli-malpli improvize. Ni antaŭvidas sukcesojn pli multajn kaj pli grandajn, se la gek-doj el ĉiuj partoj de Aŭstrio same ekprenos nian standardon — la ruĝan standardon kun la verda stelo.

Gekamaradoj, geamikoj!

Envicigu vin do senprokraste en la unuecan kooperativon de la Laborista Esperantistaro de Aŭstrio!

**La provizora laborkomitato de la Aŭstria Laborista Esperantistaro** (Adreso: Wien I., Neutorgasse 9).

**Saluto al la tutmonda laboristaro**

La ĵus fondita „Itala Asocio de Laboristaj Esperantistoj" (IALE), komencante sian vivon inter la ĉiulandaj laboristaj organizoj, sendas al ĉiuj laboristaj Esperantistaj federacioj kaj asocioj sian fratecan saluton kaj bondeziron pri prospera progresado en nia komuna batalo, certigante sian aktivan kunlaboron kun la aliaj samcelaj asocioj tutmondaj. Adreso: Via Modena 33, Torino, Italujo.

**„Laborista Esperantisto"** — organo de Itala Asocio de Laboristaj Esperantistoj, aperas kiel speciala rubriko en „Verda Steleto", organo de Italaj Esperantistoj. Redakcio kaj administracio: Via Modena 33, Torino, Italujo. Jarabono 6 resp. kuponoj.

**„La Esperantista Laboristo"** — organo de la Labor-Esperantista Federacio de la franclingvaj labor-esperantistaj grupoj (FET) novaperis en Februaro 1947. Redakcio-administracio: 34, Rue de Chabrol, Paris X., Francujo.

**„Laborista Esperantisto"** — organo de la laboristaj esperantistoj en Nederlando publikigis en numero 3/1947 projekton pri fondo de Esperanto-Mondvojaĝa Servo. La celo estas interŝanĝi grupojn da esperantisoj kun aliaj landoj por libertempi. Redakcio: Middenweg 226, Amsterdam (Oost), Nederlando.

**Esperantistaj laboristoj, antifaŝistoj, demokratoj!**

Ĉu vi jam konas la balkanan Esperanto-revuon „Internacia Kulturo?" Ĝi estas progresema, antifaŝista kaj demokrata ĵurnalo kaj aperas monate kun bona enhavo, ilustraĵoj, 16 paĝa, presita sur bona papero. Abonojn por Aŭstrio akceptas E-eldonejo „Tramondo", Wien I., Neutorgasse 9. Jarabono 15 aŭstr. ŝil.

**Radioproprамо de Asocio de Laboristaj Esperantistoj, Amsterdam**

Laŭ instigo de laboristaj esperantistoj FLE la nederlanda Radio-Unuiĝo sendos ĵenan Esperanto-programon je la 16.10 — 16.35a horo (mezeŭropa tempo):

2. 8. 1947 Dialogo ondolongo 415 m
6. 9. „ Interviuo „ 415 „

Bonvolu sendi simpatiesprimojn al Radio-VARA, postbus 175, Hilversum, Nederlando kaj petu disaŭdigon pri ekonomiaj kaj socialaj novaĵoj al Nederlando.

# KATOLIKA ESPERANTA VIVO

**Katolika Kunveno en Wien**

Nur paŝon post paŝo ni povas rekonstrui nian katolikan movadon. — Vere ne bruo kaj amaso, ne ekstero kaj nombro, sed la spirito kaj anima potenco estas esencaj por religie fondita movado.

Laŭ tia konsidero ni kontente raportas pri nia modesta, sed inda posttagmeza D i - s e r v o, aranĝita je la Kristkorpa festo (Fronleichnam) en la kapelo de refreŝigejo „St. Josefsheim" Wien XIII., Ober St. Veit. — Nia malnova bonmerita fidelulo Pastro Plank, kvankam ankoraŭ suferanta post malsano,

ofereme plenumis la ceremonion de sankta beno; la samideanaro kunpreĝis kaj kantis esperantlingve.

La malgraŭ malfavoraj cirkonstancoj kaj subita veterŝanĝo ĝojige venintaj kaj kvazaŭ monteton migrintaj gesamideanoj povis poste havi kunvenon en la agrable manĝejo de „Josefsheim". Sekr. Mudrak kore dankis kaj salutis ilin, precipe pastran moŝton Plank, honorprezidanton (de iama Katolika Unuiĝo de Wien) Chiba, Fraton Villanova de pastroj Kalasantinoj, afergvid. de nuna AKLE d-ron Görlich, kortegan kons. Heeber, dir. Strobl (E-kursgvid. ĉe „Radio-Wien") kaj memoris pri mortinta kara s-ino Karola Mayrleb, longjara fidela aktiva anino. Petis senkulpigon de neĉeesto prez. d-ro Führing kaj s-ino d-ro Flasch (lasta pro samtempa festado de sia arĝenta edziniĝfesto. Koran gratulon!).

Post interesaj raportoj pri sukcesa E-movado kaj katolika E-laboro laŭ informoj el la provinco kaj aliaj landoj, precipe el Usono, Nederlando k. a. okazis laŭlota (ĉar laŭ interkonsento plej konvena) disdono de karitaj donaĵpartoj el du pakaĵoj, ofereme donacitaj de nederlandaj katolikaj gesamideanoj al speciale bezonantaj ges-anoj. Estu sincere dankate, precipe al s-ano Vernooij de la institucio „Por Dio kaj Eklezio!" Tiuokaze akceptu sinceran dankon ankaŭ s-ano d-ro Solzbacher, Usono, pro lia oferema klopodo kaj helpo samspeca pasintaŭtune! — Sekvis deklamo kaj prelego de nia s-ano verkisto Alois Norbert el propraj verkoj bonhumoraj. Per kantado de „Ni volas Dion" finiĝis la kontentiga, ĝojiga Esperanto-posttagmezo festtaga.

**Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista** intencas starigi Servan Organizon de IKUE en kiel eble plej multaj lokoj ĉiulande. Ĉefdelegito por Aŭstrio: Walter Mudrak, Wien III., Beatrixgasse 19/9.

Espero Katolika, la oficiala sur luksa papero presita organo de IKUE ankaŭ aperigis tre legindan artikolon pri Aŭstrio verkitan de s-ano prof. d-ro Görlich. Jarabono por Aŭstrio 12.— ŝil. Mendojn akceptas la supre nomita delegito.

**„Flandra Katoliko"** — organo monata de Flandra Unuiĝo Katolika Esperantista petas ĉiujn Esperanto-instancojn havigi al ĝi publikigotajn novaĵojn. Adreso: Justus Merks, Goedendaglaan 109, Kortrijk, Belgujo.

**Katolikaj Esperantistoj en Sicilio** nun ankaŭ havas sian propran organon „Nia Vivo" (Vita Nostra). Ili vigle propagandas Esperanton inter la katolikaj rondoj.

**Vortoj de d-ro Ignaz Seipel**

Ĉiam ni devas memori, ke Aŭstrio havas la destinon esti lando, kiu tre amike interrilatas kun aliaj landoj.

La miksiĝo de la sango en ni estas preskaŭ la sama kia en niaj najbaroj, kia en ĉiuj popoloj de Eŭropo. La pejzaĝo ankaŭ montras al ni ĉi tiun vojon. La historio ĝin instruas al ni kaj nia ekonomio devigas nin ĝin iri.

(Ignaz Seipel: Staat und Nation, 1916). Trad. d-ro Halbedl.

La Aŭstria Esperantista Federacio **kore dankas** pro du nutraĵpakaĵoj ricevitaj el Danlando kaj tri nutraĵpakaĵoj ricevitaj el Ameriko (per s-ano Bonesper). La disdono inter la Esperantogrupoj ĝojigis kaj helpis multajn aŭstriajn samideanojn.

# Aŭstria Esperanto-Instituto

**1. Komunikoj pri la Esperanto-literaturo.**

Ĉi-sube ni publikigas liston pri germanlingvaj verkoj jam tradukitaj en Esperanton. Sciante, ke tiu ĉi listo ne estas kompleta, ni pete turnas nin al la esperantistaro, informi nin pri la nemenciitaj verkoj, por ke ni kompletigu nian liston en la venonta numero de AER.

Skribu tiurilate al Aŭstria Esperanto-Instituto, Wien I., Neutorgasse 9.

Per la fiksado kaj diskonatigo de tiuj verkoj ni celas eviti, ke tradukemaj gesamideanoj esperantigu jam tradukitajn verkojn.

Ni intencas sekvigi plej baldaŭ ankaŭ liston pri tradukindaj verkoj, prefere de aŭstriaj poetoj kaj verkistoj.

(Sub „noto" komprenu registra numero de „Bibliografio de internacia lingvo" de P. E. Stojan)

| Aŭtoro: | verko: | tradukinto: | noto: |
|---|---|---|---|
| Ausserer | La lulilo | Christanell | 4119 |
| Bandlow | Nordgermanaj rakontoj | Scheerpeltz | 4094 |
| Belly | Sinjoro Herkules | Arntz und Butin | 4090a |
| Benedix | La geservistoj | Esp. Kl. Chemnitz | 4077 |
| Benedix | Obstineco | Vogt | 4078 |
| Blicher | Taglibro de vilaĝpedelo | Bulthuis | 4116 |
| Boelsche | Unu ĉapitro el: La ama vivo de la naturo | Meier | 4066 |
| Bonsels | Solandro | Sos | 4122 |
| | Abelo Maja | | |
| Chamisso | La mirinda historio de Petro Schlemihl | Wüster | 4115 |
| Christaller | Noveletoj el la Nigra arbaro | | |
| Ebner-Eschenbach | Krambambuli | | |
| Eckstein | La vizito en la karcero | Freericks | 4080 |
| Fock | El „navigado" | Jarczewski | 4129a |
| Fredro | La mentoro | Liebner | 4091a |
| Gerstäcker | La ŝipĉarpentisto | Egruho | 4129b |
| Goethe | Ifigenio en Taŭrido | Zamenhof | 4072 |
| | La gefratoj | Grabowski | 4062 |
| | La suferoj de la juna Werther | Usinger | 4084 |
| | Hermano kaj Doroteo | Küster | 4088 |
| | Faust I | Barthelmess | 4118 |
| | Reineke Fuchs? | | |
| Grillparzer | La monaĥejo ĉe Sendomir | Meier | 4069 |
| | Malriĉa muzikisto | Meier | (en „5 noveloj") |
| Grimm | Elektitaj fabeloj | Kabe | 4064 |
| Halm | Du amikinoj | Meier | (en „5 noveloj") |
| Hauff | La karavano | Eggleton | 4082 |
| | La juna anglo | Eggleton | 4087a |
| | La almozulino de la Pont des Arts | Brüggemann | 4121 |
| | Fantaziaĵoj en la kelo de la Bremena urbdomo | Hillebrecht | 4092 |
| | La kantistino | Wüster | 4109 |

| Aŭtoro: | verko: | tradukinto: | noto: |
|---|---|---|---|
| Hebbel | Judith | Lederer | 4093 |
| | Maria Magdalena | Bischitzky | 4114 |
| | Gyges kaj lia ringo | Bennemann | 4106 |
| Heine | Pentraĵoj el vojaĝo | Gernet & Kofman | 4063 |
| | Libro de Kantoj | Zamenhof, Belmont u. a. | 4087 |
| | Elektitaj poemoj | Pillath | 4105 |
| | La rabeno de Baherah | Zamenhof | 4125 |
| | Atta Troll | Zanoni | 4126 |
| | Die Wallfahrt nach Kefelar | | |
| Heyse | Edziĝa festo en Capri | Meier | 4068 |
| Hoffmann (ETA) | Sabla homo | AR (Hodler) | 4069a |
| Hoffmann | La Struvelpetro | Applebaum | 4108 |
| Homunkulus | Solecaj animoj | Süßmann | 4101a |
| Kirschen | La milionheredaĵo | Klausmann u. a. | 4086 |
| Körner Th. | Toni (dramo) | Stephan | 4074a |
| | La ŝtonegoj de Hans Heiling | Meier | (en „5 noveloj") |
| Kotzebue, Williams, Hankel | 3 unuaktaj komedioj | Elb & Hankel | 4073 |
| Kreuzer | Kolĉeno de Maya | Halbedl | 4126a |
| Lehn | Sorĉa spegulo | Neurath | 4102a |
| Lessing | Minna de Barnhelm | Reinking | 4079 |
| | Natan la Saĝulo | Minor | 4117 |
| | 30 fabeloj | Meier | 4111 |
| Nuechter | Albrecht Dürer: Lia vivo kaj elekto el liaj verkoj | Kandt & Hankel | 4089 |
| Putlitz | La glavo de Damokles | Esp. Kl. Chemnitz | 4075 |
| Raabe | La nigra galero | Wicke | 4095 |
| Raimund | La malŝparulo | Zwach | 4124 |
| Reitzel | Aventuroj de malspertulo | Sigel | 4123 |
| Remarque | En okcidento nenio nova | Jung, Berger, Ellinger | |
| | La vojo returne | Hoffmann | |
| Reuter | Kio povas okazi, se oni donacas surprize | Ĉefeĉ | 4067 |
| Rieck | Oni ridas | Butin & Jung | 4113 |
| Rilke | Der Tod des Kornetten | | |
| Rumohr | Lasta Savello | Meier | (en „5 noveloj") |
| Schiller | La rabistoj | Zamenhof | 4074 |
| | Wilhelm Tell | Meier | 4065 |
| | La nevo kiel onklo | Stewart | 4071 |
| | Poeziaĵoj | Zwach | 4099 |
| Schnitzler | La verda kakatuo | Schröder | 4091 |
| Seidel H. | Vintrofabeloj | Bücker | 4107 |
| Seidl J. G. | La bluulino | Meier | (en „5 noveloj") |
| | La invalido | | |
| Stieger Anton | Junaĝo | Bischof | |
| Storm | Imenlago | Bader | 4070 |
| | La blankĉevala rajdanto | | |
| | Violo trikolora | | |
| Suppé | Galateo (opero) | | |
| Suttner | For la batalilojn | Caumont | 4103 |
| Sylva Carmen | Sufero | Lederer | 4090 |
| Tieck | La blonda Ekberto | Fischer | 4085 |

| Aŭtoro: | verko: | tradukinto: | noto: |
|---|---|---|---|
| Thirring | La mondopaco kiel psikologia problemo | Sirk | Tramondo |
| Weber | Dreizehnlinden | Macho? | |
| Zahn | Svisaj rakontoj | Pulvers | 4100 |
| | La patrino | Schmid | 4101 |
| Zschokke | Aventuro en la novjara nokto | Brüggemann | 4120 |
| | **Kolektivaj verkoj:** | | |
| | Interesa novelaro | Fratoj Fethke | 4112 |
| | „1001 noktoj", kelkaj rakontoj | | 4129 |
| | Vienaj legendoj | Mair | 4127 |

**2. Literatura konkurso laŭ n-ro 1/2, pĝ. 26:**

12 gesamideanoj ensendis tradukojn de „Urwaldfrieden", neniu sendis oriĝinalan priskribon de montgrimpado. La tradukaĵoj estas parte tre bonaj, frapas precipe la diversaj tradukformoj, ofte egale bonaj, de unu originala frazo. La ekzamenado per la juĝkomitato estas ankoraŭ ne finita, tial la rezulto de la konkurso kaj la plej bone premiita tradukaĵo povos esti publikigata nur en la venonta numero de nia Revuo.

**3. Diversaĵoj.**

La alvoko en n-ro 3/4, disponigi studlibrojn por ekzamenkandidatoj, rezultigis ĝis nun ne sufiĉan materialon. Ni tial refoje petas, legu la alvokon kaj agu laŭ ĝi! Ni dume daŭrigas la preparadon de bonaj libroj. Ekzamenkandidatoj kaj kursgvidantoj estu precipe atentigataj je la ĵus aperinta germanlingva verko „Grundsätze des Fremdsprachunterrichtes", prilaborita kaj eldonita de la Aŭstria Esperanto-Instituto. Vidu la libroliston de „Tramondo".

Dum la feriaj monatoj Julio kaj Aŭgusto ne okazos paroladoj de la Instituto. La programon depost Septembro ni ankoraŭ publikigos.

# *INTERNACIA ESPERANTO-MOVADO*

## UNIVERSALA ESPERANTO - ASOCIO

Laŭ informoj el la organoj „Esperanto" kaj „Esperanto Internacia" la kontrakto pri kunfandiĝo de IEL—UEA fine estas subskribita.

La nomo de la nova internacia neŭtrala organizo estos la tradicia Universala Esperanto-Asocio (UEA) kaj la gezeto „Esperanto" fariĝos la nova oficiala organo.

Tamen restas plu la du oficejoj, la unu en Svisujo kaj la alia en Anglujo, kio certe ne estas avantaĝa por rapida funkciado kaj ŝparema administrado de la organizo.

Multaj esperantistoj demandas sin: Kial oni ĉion ĉi aranĝis malantaŭ fermitaj pordoj kaj donis poste al la membraro de IEL kaj UEA nur tre koncizan deklaron? Ĉu tia sekreta intertraktado estas demokrata kaj taŭgas por fortigi la konfidon al la nova UEA?

Malgraŭ tio ni esperu, ke UEA sukcesos plenumi la taskojn, kiujn oni devas atendi de grava internacia organizo. Kaj kvankam la organiza strukturo ŝajnas esti ankoraŭ ne perfekta, la esperantistaro tutmonda nun havas la devon kunlaboradi ĉu kiel aliĝintaj landaj organizoj, ĉu kiel izolaj mem-

broj, por ke UEA plej baldaŭ fariĝu vere impona kaj influhava tutmonda esperantista organizo, kiu estas respektata ankaŭ de aliaj internaciaj organizoj kaj de aŭtoritataj aŭ registaraj instancoj.

Aŭstria Esperantista Federacio, kiu pro la ĝisnuna nekunlaboremo inter la estantaj internaciaj Esperanto-organizoj, kiel landa asocio al neniu organizo apartenas, nun ankaŭ devos decidiĝi en sia nunjara Landa Kongreso (Kufstein, Tirol, 29.—31. 8. 1947) pri aliĝo al la nova UEA.

**Danublanda Esperantista Junularo**

Fondiĝis en Hungarujo Rondo de Danublanda Esperantista Junularo. Ĝi estas amikeca unuiĝo, sed nenia konkuranto al iu alia esperantista societo aŭ ligo, celante fortigi la amikecon inter la diverslanda junularo kaj kunlaboradi por la komunaj demokrataj interesoj.

Ĝis kiam eblos elekti konstantan komitaton de la rondo, provizore faras la adresato la centran komenclaboron. Sekvos pli poste bulteno kun la diversaj informoj pri la aferoj de la Junulara Rondo.

En ĉiu danuba lando kunlaboremaj s-anoj aranĝu la provizorajn organizajn laborojn laŭeble interkonsente kun la landa E-asocio kaj sciigu al mi siajn adresojn kaj informojn. Ne estas postulata kotizo.

La junulara laboro ne nur servu al la E-movado ĝenerale, sed ankaŭ por la interesoj de vera amikeco inter la Danublandoj kaj ilia kulturo. Antaŭ ĉio ĝi devas esti v i v a kreaĵo. Junularo danublanda aliĝu multnombre kaj kunlaboru aktive!

Adreso: Jozefo Mohácsy, verkisto, Budapest XII., Varàzs-u. 4, Hungarujo.

**Tutmonda Junular-Organizo**

TJO dum Aŭgusto 1947 okazigos la trian Intern. Junular-Kunvenon, nunjare en Ipswich, Anglujo. TJO-filmservo faros pri tio filmon. La organo de TJO „La Juna Vivo" ree aperas regule kun interesa enhavo. Krome ĝi nun estas la oficiala organo de Internacia Instruista Kunlaboro, IIK. Dezirante informojn pri TJO, skribu al sekretariejo de TJO, M. v. d. Horst, Johan Idastr. 32, Rotterdam — N., Nederlando.

**Internacia Esperanta semajno en Francujo**

Priksumume la 15. — 22. 7. 1947 okazos Int. Esperanta semajno aranĝita de GEE (grupo de esperantistaj instruistoj en Francujo). Ĝi estu renkontiĝo de plej parte profesiaj E-instruistoj. Okazos paroladoj, diskutoj, teatraĵetoj, pedagogiaj kaj lingvaj demandoj. Lingvokapabluloj petu pli detalajn informojn kontraŭ int. responkupono de F-ino Jeanne Dedieu, profesorino, 3 rue Arzac, Toulouse, Francujo.

**Internaciaj ferioj por esperantistaj infanoj**

Aranĝite de GEE okazos en Augusto ĉj. dum 3-4-semajnoj „libertempa kolonio" por 11—14 jaraj geknaboj. E-grupoj, societoj kaj gepatroj venigu viajn infanojn. Helpu per la infanoj propagandi Esperanton. Pli detalaj informoj kontraŭ int. resp. kupono de f-ino Jeanne Dedieu, profesorino, 3 rue Arzac- Toulouse, Francujo.

**Instruistoj! Lernejoj! Atentu!**

Interŝanĝu leterojn kaj Esperantaĵojn kun francaj geinstruistoj kaj lernejoj. Vian adreson disdonos Koresponda Servo. Skribu ankaŭ pri vi mem kaj indiku viajn dezirojn pri la korespondado (plena adreso, aĝo, profesio, preferitaj temoj). Informoj kontraŭ int. resp. kupono de f-ino Jeanne Dedieu, Koresponda Servo, 3 rue Arzac, Toulouse, Francujo.

**Internacia Ekspozicio de Infanaj Desegnaĵoj**

Venontan aŭtunon okazos en la Palais du Conservatoire de Lyon ekspozicio de infanaj desegnaĵoj el ĉiuj landoj. La infanoj devas esti 14-jaraj, la formato de la desegnaĵoj 21×27 cm. La desegnoj montru kiel la infanoj vidas sian

propran landon. Tial ili prezentu tipajn pejzaĝojn aŭ scenojn de la koncerna lando. Malsupre de ĉiu desegnaĵo estu skribita: nomo, aĝo, urbo, lando, eventuale lernejo de la aŭtoro.

Esperantistaj geinstruistoj tutmonde, instigu viajn gelernantojn partopreni la ekspozicion kaj ke ili sendu al ni plej baldaŭ siajn desegnaĵojn. Adreso: Prezidanto de la Lyona Esperanto-Societo, Richard Levin, 55 Avenue Felix Faure, Lyon, Francujo.

**Turista Asocio „La Naturamikoj"** estas internacia movado. Ĝi estas disvastigata en Svislando (ĉ. 15.000 membroj), Francujo, Nederlando, Aŭstrio, Hungarujo, Usono, Svedujo kaj en multaj aliaj landoj.

La revuo „Der Naturfreund", eldonata en Svislando, jam la trian jaron jaron aperigas Esperanto-angulon. De Francujo kaj Germanujo venas novaĵoj, ke ankaŭ tie kamaradoj energie propagandas Esperanton inter la turista movado. K-do Boulard Albert, 45 Rue du Chevalier de la Barre, Rosny-sous-Bois, (Seine) Francujo, nun ankaŭ aperigas en la franca turista revuo Esperanto-angulon.

Internacia feria restado por esperantistoj okazos de la 2. — 8. 8. 1947 en la Turista Hejmo „Reutsperre" ĉe Meiningen (Berner Oberland), Svisujo. Tiu domo, kiu apartenas al la turista asocio „La Naturamikoj", situas en mirinda alpa regiono. La restado estas tre malmultekosta. Loĝado kaj dormado dum la tuta semajno en amasĉambro (sur bonaj matracoj) kostas ĉirkaŭ 9 svisajn frankojn. Ciujn informojn pri la feria restado kaj pri la asocio „La Naturamikoj" petu kontraŭ int. resp. kupono ĉe Walter Kobelt, Ranft, Marbach. St. G., Svislando.

**Tramista Esperantogrupo en Budapest** jam vigle laboras. Ĝi nuntempe nombras cirkaŭ 100 membrojn. En 9 stacidomoj okazas Esperantokursoj vizitataj de junaj dungitoj, kiuj poste devos esti la pioniroj por la tramista Esperantomovado en Hungarujo. Adreso: Sigmund Papp, Budapest VI., Vilma kir. no. u. 22, Hungarujo.

**Nederlanda tramista E-grupo**

En Rotterdam fondiĝis en Majo 1946 tramista E-grupo „Nia Idealo", kiu vigle propagandas Esperanton inter la fakkolegaro. Ĝi aranĝis kursojn, ekspozicioin ktp. La tramdirekcio tre akcelas la E-movadon inter la tramistoj. La grupo serĉas kontakton kun alilandaj tramistaj E-grupoj. Leterojn peras A. H. v. Loon, Mathenesserdijk 251, Rotterdam-W., Nederlando.

**Urĝa Peto**

**Al ĉiaj oficistoj en ŝtataj kaj publikaj servoj**

La Internacia Federacio de Unuiĝoj de Oficistoj en Publikaj kaj Stataj Servoj, sekve de siaj spertoj pri lingvaj malfacilaĵoj, nun esploras la eblon elekti unu lingvon, kiun oficiale uzos ĝia anaro el diversaj nacioj. La oficialuloj dubas, ĉu Esperanto estas sufiĉe disvastigita por esti praktika solvo. Do urĝe necesas, ke en ĉiuj landoj ŝtatoficistoj kaj oficistoj en publikaj servoj tuj skribu por rekomendi la uzadon de Esperanto al jena adreso: The General Secretary, International Federation of Unions of Employees en Publik and Civil Services, 20 Dryden Chambers, 119 Oxford Street, London, W. 1, Anglujo.

Atentu, ke publikaj servantoj inkluzivas: geinstruistojn, Poŝtistojn (PTT) oficistojn de ŝtataj landaj kaj urbaj registaroj, de juĝejoj kaj hospitaloj, ŝtatajn fervojistojn, urbajn tramistojn, policistojn ktp.

Ĉiuj tiuj oficistoj nepre skribu al la ĉi supra adreso por apogi Esperanton. Ili ankaŭ instigu sian profesion aŭ metian organizaĵon skribi en la sama senco.

Venko en ĉi tiu afero estus gravega antaŭenpaŝo!

**GRAVA OKAZONTAJO.**

La esperantistoj en la urbo Zaandam (Nederlando) rememoros post kelkaj

monatoj la fondon de sia esperanto-unuiĝo „Zaandam Antaŭen" antaŭ 35 jaroj. Kaŭze de tio ili organizos imponan internacian akcepton kaj fest-kunvenon. Ni petas al la samideanoj en ĉiuj landoj, sendu viajn gratulojn al ni kaj petu informojn por eventuale ĝui dum tiuj festoj la gastamecon de la Zaandama enloĝantaro. Zaandamo estas urbo kun 40.000 enloĝantoj, tute apud Amsterdam la ĉefurbo de Nederlando. — Nia urbo estas la plej granda en la Zaanregiono, konata pro ĝia industrio, ktp. Nia regiono estas tipe holanda kaj oni povas ĉiun horon travivi neniam forgeseblajn momentojn. La geesperantistoj tutmondaj ne hezitu skribi al ni. Ĉio estos respondata.

Nome la komitato A. Hazen (komitatanino) Beukenlaan 12, Zaandam Nederlando.

Rimarkigo: AEF-centro petas la membraron kaj precipe la Esperantogrupojn laŭeble multnombre skribi salutleterojn al Zaandam por pruvi kaj plifortigi per tio la jam nun ekzistantajn intimajn rilatojn inter nederlandaj kaj aŭstriaj geesperantistoj.

**Glitlumoj tra Esperantujo**

ARGENTINO. — La 6. 4. ĉj. okazis la Argentina E-Kongreso en Buenos Aires. En diversaj urboj de la lando estiĝis vigla E-movado.

BRAZILIO. — La loka E-Klubo de S. Paulo ricevas de la registaro de ŝtato S. Paulo jaran subvencion de 1000 us. dolaroj! — Brazila Konsilantaro por eksterlanda komerco (Avenida Presidente Wilson 231, Rio de Janeiro) disdonas ĉiujare Gvidilon por Eksportistoj. Petu senkostan ekzempleron kaj informon pri ia ajn komerca afero.

BRITLANDO. — Jarkunveno de la Brita Katolika Ligo okazis la 4. 1. 1947 en Londono. Kiel prezidanton oni elektis s-ron Lewis. Adreso de la sekretario: S-ro N. W. Vigar, 43, Defrem Road, London S. E. 26.

EGIPTUJO. — Esperanto estas kiel nedeviga fako enkondukita en la mezlernejo Beith Hakerem en Jerusalem. La kurso estas frekventata de 25 gelernantoj.

ĈEHOSLOVAKUJO. — La Ekzamena Komisiono de la E-Asocio en ĈSR la 29. 3. 1947 ekzamenis kanditatojn pri la scio de Esperanto. — Ota Ginz faris en Londono E-prelegon pri ĈSR. — Ligo de Katolikaj Esperantistoj en ĈSR refondiĝis. Adreso: Apolinarska 10, Praha II.

FRANCUJO. — En Angers estas projektata la aranĝo de Internacia Esperantista Universitato. La kursoj okazu en du partoj po du semajnoj dum Augusto 1947. Adreso: F-ino Nouais, 28 bd. Descazeaux, Angers.

HUNGARUJO. — En koridoro de Hungara parlamento estas konstanta E-ekspozicieto. — El la 20 parlamentaj stenografiistoj jam 12 estas esperantistoj. — Ekzistas E-Rondo en hungara parlamento. — Preskaŭ 400 hungaraj fervojistoj lernas Esperanton.

IRLANDO. — La Irlanda Ligo de Katolikaj Esperantistoj post preskaŭ 20 jara dormeto revekiĝis kaj ekprenis denove sian agadon.

ISLANDO. — La islandaj esperantistoj fervore ekprenis la laboron por la disvastigo de Esperanto kaj ili pledas por pli intima kunlaboro inter la E-movado de la nordaj landoj.

NEDERLANDO. — La nederlanda ministro por instruo la 13. 2. 1947 akceptis reprezentantojn de la oficejo „Esperanto en la instruado", kiuj submetis al li la peton pri enkonduko de Esperanto kiel fakultativan fakon. — „Aero-Fair 1947" en Utrecht (16. — 22. 5. 1947) la granda internacia Aviada Ekspozicio uzis Esperanton. La sekretario de Aero Fair korespondas en E-kaj ĉeestis dum la ekspozicio E-interpretistoj. En la ekspozicia poŝtoficejo deĵoris esperantista poŝtoficisto.

NORVEGUJO. — La E-movado en Norvegujo havis bonŝancon dummilitan, ĉar la germana okupada estraro ne malpermesis ĝin. Nur la organo Esperantobladet estis malpermesita, sed ĝi aperis multobligita cirkulero. Post la milito kreskis la intereso por E., sed mankas lertaj instruistoj. Antaŭ ne longe stariĝis eldona akcia societo.

POLUJO. — La 9. 2. 1947 reprezentantoj de la ĉefestraro de Asocio de esperantistoj en Polujo estis akceptataj de la ŝtatprezidanto Bol. Bierut, kiun ili bondeziris nome de la polaj esperantistoj okaze de lia elekto kiel ŝtatprezidanto. — En la ĉeforgano de Pola Laborista Partio „Glos ludu" aperis granda artikolo pri la mondlingva demando kaj Esperanto.

DANLANDO. — La rektoro de la Fröbel-seminario en Kopenhago promesis enkonduki Esperanton en la instruplanon de la seminario. — Turisma Oficejo de Centra Dana Esperantista Ligo planas venontsomere aŭtobusvojaĝojn al Nederlando, Francujo kaj Svisujo.

SVEDUJO. — En la budĝetplano de la sveda registaro por la jaro 1947—1948 estis proponata la sumo de 5000 sv. kr. por perfektigaj kursoj de Esperanto por instruistoj. — En Göteborg, Skovde, Uddevalla, Karlskoga, Vaxjö, Lund kaj Falköping Esperanto estas nedevige instruata en la popolaj lernejoj.

SVISLANDO. — La 15.—16. 3. 1947 okazis en Luzern la landa kongreso de Svisa Esperanto-Societo. La societanoj nun multe helpas en la preparo por la Universala Kongreso en Bern.

**„Heroldo de Esperanto" prosperas**

La ĉie ŝatata duonmonate aperanta Esperantoĵurnalo jam atingis pli ol 1500 geabonantojn en 51 landoj. Abonojn por Aŭstrio akceptas Esperanto-eldonejo „Tramondo" Wien I., Neutorgasse 9.

**Verda Steleto** — la organo de la italaj esperantistoj aperigis en numero 2/1947 ampleksan artikolon pri: La aŭstria E-movado, verkitan de nia agema s-ano d-ro E. Görlich.

Verda Steleto, la sendependa monata revuo de la itala E-movado informas pri la Esperanto-agado en Italujo. Jarabono 6 int. resp. kuponoj. Adreso: Via Modena 33, Torino, Italujo. — Por Aŭstrio akceptas abonojn „Tramondo", Wien I., Neutorgasse 9.

„LA VIVO", monata organo de amikoj de la homaranismo, redakcio: E. v. Veenendaal-Bouwes, Limmen (N. H.) Nederlando, adm: S. de Geus, Heilo, Nederlando, Jarabono 2.50 guldenoj aŭ egalvaloro estas multobligita gazeto „por ideologia konstruo kaj internacia edukado", per internacia diskutado de kulturaj kaj edukaj proplemoj. Tiu ŝatinda gazeto jam ripete represis artikolojn el „Aŭstria Esperanto-Revuo" kaj estu varme rekomendita al ĉiuj amikoj de la Zamenhofa mondkoncepto. Mendojn peras „Tramondo".

**Basic English — ĉu simpla mondhelplingvo?**

Basic English al siaj 850 vortoj en la kompleta lingvo aldonas vortaron kun 7500 plej oftaj vortoj, ĝeneralan vortaron de 25.000 vortoj kaj vortaron kun 10.000 sciencaj terminoj!

El Svenska Esperanto-Tidningen, 2/1947.

Im Manz'schen Verlage, Wien I., Kohlmarkt 16, erschien vor kurzem ein Buch — „Österreichische Literaturgeschichte" von Prof. Dr. Ernst Jos. Görlich — dessen Erscheinen den dringenden Forderungen der Jetztzeit besonders entgegenkommt und das deshalb von der Öffentlichkeit mit Freuden begrüßt werden muß. Das Buch stellt sich würdig an die Seite der bestehenden allgemeinen deutschen Literaturgeschichten und ergänzt sie durch eine tiefschürfende Darstellung der Entwicklung österreichischer Geisteswerke.

Mit inniger Einfühlung in die einzelnen Epochen der österreichischen Geschichte von den ältesten Zeiten bis in die Neuzeit behandelt der Verfasser die Schöpfungen der österreichischen schöngeistigen Literatur. — Das Buch, das einen Umfang von 164 Seiten aufweist und mit einem angefügten praktisch verwendbaren Register versehen ist, kann nicht nur der studierenden Jugend, sondern auch allen Literaturfreunden aufs wärmste empfohlen werden. F. M.

## BIBLIOGRAFIO

Duope ricevitajn verkojn ni recenzas, unuope ricevitajn ni nur mencias.

**PREMIAJ ROMANETOJ de Konkursintoj**

Eldonis Esperanto Publishing Co. Ltd., Rickmansworth, Anglujo. 95 pĝ. broŝ., bonegaj papero kaj preso. Prezo 2 angl. ŝ. 6 p. aŭ 11 resp. kup.

Estis bona ideo kolekti tiujn romanetojn en libreto, kiun oni povas rekomendi precipe al komencantoj en la lingvo pro la facila stilo. Seriozeco kaj sereneco alternas en la noveloj. Kun ĝuo ekz. oni legas la rakonton (La Politikisto) pri mortinta parlamentano, kiu en la infero la subdiablojn instigis striki pro troa labortempo. Aŭ la ĉarman novelon „Printempo", tuŝanta la problemon de la ĝermanta amo inter du junaj homoj. Tiaj libretoj facillegeblaj ankoraŭ mankas en la postmilita E-literaturo kaj espereble sekvos baldaŭ aliaj.

a. b-n.

**KVARA RAPSODIO** — nomiĝas libreto 48 pĝ., broŝ. kaj presita sur bonkvalita papero, eldonita de Eldona Societo Esperanta, Stockholm. Redaktis Ferenc Szilagyi. Prezo 2 sv. kr.

La libreto enhavas diversajn rakontojn kaj poemojn bonstilajn, grandparte vertikajn de hungaraj verkistoj. Ĉiuokaze „Mondmoralo" de F. Szilagyi ankaŭ tuŝas aktualan problemon: „Spirita neŭtraleco en tempo, kia estas la nia, estas morala perverseco."

a. b-n.

**Kvinlingva poŝtmarkfolio**

Konsiderante la multajn demandojn de eksterlandanoj pri la bildoj presitaj sur la aŭstriaj poŝtmarkoj, la Esperanto-eldonejo „Tramondo" interkonsente kun la ĝenerala direkcio de la aŭstria poŝtadministracio, eldonis kvarpaĝan reproduktaĵon de la 28 aŭstriaj poŝtmarkoj de la „pejzaĝa serio" kun bildklarigoj en la lingvoj germana, angla, franca, rusa kaj Esperanta, kaj skizo de Aŭstrio montranta la situon de la represitaj pejzaĝoj. Prezo de unu folio en Aŭstrio 50 g, eksterlande unu internacia respondkupono. — Esperantistoj kaj filatelistoj, aĉetu tiun folion por vi kaj viaj eksterlandaj korespondantoj. Turnu vin al via Esp.-grupo aŭ senpere al „Tramondo", Vieno I., Neutorgasse 9. — La folio estos baldaŭ aĉetebla ankaŭ ĉe ĉiuj aŭstriaj poŝtoficejoj. —



Eigentümer und Herausgeber: Österreichischer Esperantisten-Verband. Verlag: Tramondo. Verantwortlicher Redakteur: Alfred Berdan, sämtliche Wien I., Neutorgasse 9. Druck: Holzwarth & Berger, Wien I., Börseplatz 6.